XVa jaro. No 223 (3) ⋆ Monata ⋆ Marto 1919

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
**Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisio)



## NUNTEMPAĴOJ

## LA OKHORA LABORTAGO

La problemo pri la okhora labortago estas preskaŭ ĉie sur la tagordo. Kun intereso oni legos la suban artikolon de Svisa deputato, kiu de longe batalas por la enkonduko de tiu reformo. La legantoj loĝantaj en landoj, kie la okhora labortago jam fariĝis fakto, pardonu al ni la priparoladon de tiu problemo, ĉe ili jam solvita.

Unu ĉefa postulo de la organizita laboristaro estas la mallongigo de la labortempo. La okhora labortago estas kontraŭbatalata laŭ diversaj vidpunktoj. Mi provu, laŭ propraj spertoj kaj studoj, pritrakti kelkajn argumentojn kontraŭ la okhora labortago.

Antaŭ ĉio mi konfesas, ke mi principe estas partiano de la okhora labortago, kaj ke mi de longatempe batalas por ties enkonduko. Mi tion faras, tial ke mi estas konvinkita, ke la enkonduko de la okhora labortago estas ne nur granda antaŭenpaŝo por la laboristaro, sed ke ĝi ankaŭ tre utilas al la tuta popolekonomio.

Konsiderinda estas la fakto, ke la opozo de la industristoj — do de la plej interesitaj — al la okhora labortago tre malfortiĝis. La antaŭtimo, ke la plilongigo de la labortempo fariĝos ruiniga por la industrio, estas tute malkonfirmita de la rezulto de la provoj. Kontraŭe, la mallongigo de la labortempo estigis plibonigon de la laborprodukto kvante kaj kvalite. Tial estas komprenebla, ke nuntempe la klarvidaj fabrikistoj ne plu kontraŭbatalas la novaĵon per tiuj argumentoj.

La plej obstinaj kontraŭuloj de la okhora labortago estas la kampanoj. La kampano opinias, ke okhora laboro tage ne sufiĉas al li, kaj ke sekve li ne povas aprobi por la industria laboristo tian malpliigon de la labortempo. Li antaŭtimas, ke la enkonduko de la okhora labortago plirapidigos la elmigron de la laborfortoj el la kamparo al la urbo, la transiron de la kampekonomio al la industrio. Ĉi tiu timo sendube estas iel pravigita. La kampekonomio devas studi la demandon, kiamaniere ĝi povas konservi la necesajn laborfortojn. Sed rilate al tio oni devas postuli, ke la solvo de ĉi tiu problemo ne plibonigu la kampekonomion malprofite al la laboristoj de aliaj branĉoj, sed ke kontraŭe la kampekonomio plibonigu sian laboron tiamaniere, ke konforme al la progreso de l' tempo la kamplaboro ree allogu la salajratan laboriston.

Koncerne la labortempon en la terkulturado kaj en la fabrikado nura komparo de la hornombroj tute ne valoras. La laboro sur la kamparo kompare kun la laboro en la fabrikejo kaj en la oficejo havas evidentajn superecojn. Unue la kamplaboro estas tre varia, dum la fabriklaboro pro sia devige ampleksa labordivido fariĝas pli kaj pli unutona. Kaj estas konata kaj fiziologie facile klarigebla fakto, ke laboro efikas des pli lacige, ju pli ĝi estas unutona kaj nevaria. Plie la kamplaboroj povas plej ofte esti plenumataj en libera aero, dum la laboro de la fabrikisto fariĝas en fermitaj lokoj laŭ kondiĉoj higiene multe pli malbonaj. Ni konas la kamplaboron proprasperte, kaj bone scias, ke la kamplaboristo estas ankaŭ elmetata al la veteraj ŝanĝiĝoj; tamen la kamplaboro estas multe pli saniga ol la laboro en fermitaj fabrikĉambroj, kaj tio videbliĝas en la multe pli alta mezaĝo de la kampkultura loĝantaro. Alia grava punkto, kiu ĝenerale estas nesufiĉe konsiderata: La kampano dividas sian laboron laŭvole; eĉ en la plej urĝa tempo li povas laŭplaĉe elekti siajn pli-malpli longajn paŭzojn por mallacigo. Alie la fabriklaboristo. La maŝino lin, por tiel diri, tenas en konstanta atentado. Unu momento de malatento povas kaŭzi plej grandan danĝeron kaj havi plej gravajn konsekvencojn. Fine oni rimarku, ke ĉe la kamplaboroj la iro al la laborejo estas enkalkulita en la labortempo, same kiel la tempo uzita per ŝanĝo de laborejo. Ĉe la fabriklaboristo estas enkalkulita nur la efektiva labortempo; plie multaj laboristoj devas uzi du kaj eĉ pli da horoj por irado al kaj de la laborloko.

Nu, ni supozu, ke la enkonduko de la okhora labortago havas ŝur la kampekonomio la reefikon, ke ankaŭ tie ĝi mallongigas la labortempon, restas la demando, ĉu la kampekonomio ne povas konvenigi sian laboron al la ŝanĝitaj cirkonstancoj, ne havante domaĝon. La klarvidaj terkulturistoj jam de longe komprenis, ke per pli racia terdivido kaj enkonduko de maŝinoj multe da tempo povas esti ŝparata.

La instinkta konservemo de la kampanoj ĝis nun malhelpis fundamentan plibonigon de la situacio per ĝenerala kunigo de la bienoj. Sed tiel longe kiel la kampekonomio ne faris ĉion eblan por sin adapti al la ŝanĝitaj cirkonstancoj, ĝi ne rajtas kontraŭstari la progreson de l'industrio kaj de l'metio, atentigante al la domaĝo, kiun ĝi eble alportos al ĝi.

Ni nun respondu al la kontraŭuloj de la okhora labortago, kiuj vidas en ties enkonduko danĝeron por la laboristaro mem. Tiu antaŭtimo devenas de nesufiĉa ŝato de la laboristaro. Oni timas, ke la laboristoj ne scios taŭge uzi la libertempon rezultintan de la okhora labortago. Ĉe tio oni forgesas, ke nuntempe la laboristaro ne estas plu analfabeta societo, sed ke ĉiuj tiuj homoj vizitis unua-, eĉ duagradajn lernejojn. En la plej multaj oficejoj la okhora labortago jam de longe ekzistas. Neniu intencas forigi tiun institucion pro timo, ke la oficistoj ne scias uzi sian libertempon. Same vanaj estas la antaŭtimoj koncerne la laboristojn.

Al la edziĝintaj laboristoj la okhora labortago havigas ion, kion ili malprofite al si kaj al siaj familioj longatempe malhavis. Por ĉiu laborista dommastro ekzistas en kaj ekster la domo multaj laboroj, kiuj postulas sufiĉe longan tempon por esti konvene plenumitaj. Jam antaŭ la milito la laboristoj kulturadis ĝardenojn; depost la komenco de ĝi ili tion faras pli multe. Tia okupo utilas ne nur pro tio, ke ĝi havigas al la familio iom da freŝa legomo, sed ankaŭ pro tio, ke ĝi liveras unu el la maloftaj okazoj, kiam patro kaj patrino povas labori kune kun siaj infanoj. Sed ĉe neniu okazo la eduka influo estas pli facila kaj pli fruktodona ol ĝuste dum tiu kunlaborado. Ĉe dek- aŭ dekunuhora labortempo la patro — escepte dimanĉe — vidas siajn infanojn mallonge dum manĝo, sed li povas sin okupi pri ili nur dimanĉe. Ne miru do, se la eduko ofte malsukcesas. Eĉ pli ol en la burĝaj familioj, kie la gepatroj estas ĉirkaŭataj de siaj infanoj dum sia laboro, ekzistas en la laboristaj familioj la deziro, povi sin dediĉi al la infanoj. Multaj patroj volonte uzas siajn liberajn momentojn, por fabriki simplajn ludilojn por siaj infanoj, tial ke ilia monujo ne permesas al ili gravajn elspezojn.

Ĉe la plenaĝaj, sed ne malpli ĉe la junaj laboristoj, montriĝas vera avidegeco al instruiĝo. Ili bone scias, ke en la batalo por ilia ekonomia kaj sociala plibonigo, scio signifas potencon. La verkanto de tiu ĉi artikolo povas laŭsperte atesti, ke jam dum la longa labortempo la laboristaro ofte kaj fervore vizitis sciencajn kaj literaturajn prelegojn; li estas konvinkita, ke la plimallongigo de la labortempo plioftigos tiun vizitadon. Estas unu el la ĉefaj taskoj de l'ŝtato, tiurilate efiki pli multe ol ĝis nun. Nuntempe la instrukomitatoj de la laboristaj unuiĝoj plej ofte havigas la okazojn por instruo, sed per nesufiĉaj rimedoj, helpe de nepagataj instruistoj. Verdire ekzistas ekprovoj de popolaj universitatoj, sed ili estas tute nesufiĉaj. Pli vasta popularigo de la scienco estas tre dezirinda. Ke la laborista klaso havas senton kaj komprenon por arto, videbliĝas per la klopodoj en muziko, la ofta vizitado de popolaj prezentadoj en la teatroj k. a. La ŝtato plifaciligu al la popola loĝantaro la vizitadon de artaj kaj instruaj institucioj, la sukceso certe ne mankos. Sed estas nepra kondiĉo, ke la laboristaro ne estu senigata je la tempovo per tro longa labortempo. La laboristo de nia jarcento havas nedisputeblan rajton postuli ankaŭ por si mem partoprenon en la vivĝojo kaj en la akirajoj de la kulturo.

En burĝaj rondoj oni ofte timas, ke per la enkonduko de la okhora labortago la vizitado de la drinkejoj kaj la alkoholismo plifortiĝos. Tiun timon mi tute ne havas. La sperto instruas, ke la alkoholismo plej ruinige regas en la lokoj, kie ekzistas la plej malbonaj laborkondiĉoj. La homo supermezure laciĝita, kiu ne plu havas intereson por io pli bona kaj pli alta, volonte kaptas la glason, por forigi sian ĉagrenon. Alie agas la homo ne trolaciĝita. Lin mallacigas kaj distras aŭ la naturo, aŭ bona libro, aŭ interparolado. Precipe la organizita laboristaro jam ekkonis en la alkoholismo danĝeran malamikon. La klopodoj por kontraŭbatali ĉi tiun malamikon jam multe progresis. Ĝuste la plimallongigo de la labortempo plej multe favoras tiujn klopodojn, ĉar oni pli facile malbezonas alkoholon kiel incitilon, kiam la labortempo estas mallonga.

Kiu kore interesiĝas pri la laboristaro, kiu deziras, ke ankaŭ ĉi tiu homklaso alproksimiĝu al la sunaj suproj de vera homeco, kiu ankaŭ por ĉi tiuj, ĝis nun per malriĉeco kaj dependeco premitaj homoj, postulas iom da vivĝojo, tiu devas stariĝi por la okhora labortago.

*Prof. D-ro Schenkel.*

Trad.: *A. C.*

 SOCIA VIVO 

# Pri la Tataroj

Inter la popoloj, kiuj loĝis centran kaj nordorientan Rusion, unuaj atingis sufiĉe altan gradon de civilizo la Bulgaroj, devenintoj de la Uralo-altaika raso, kiuj instaliĝis en la supera baseno de Volga (de kie ilia nomo). La Tataroj estas la idoj de la malnovaj Bulgaroj kaj de kelkaj aliaj Turko-Bulgaraj popoloj pli malfrue venintaj el Azio. La Tatara nacio formiĝis jam antaŭ multaj jarcentoj, havante kiel centron la antikvan Bulgaran civiton Kazan. Tio okazis en epoko, kiam la Rusoj ne estis ankoraŭ komencintaj konstrui preĝejojn laŭlonge de la rivero Oka, kiam oni aŭdis jam versetojn el la Korano ĉe la bordoj de Volga kaj Kama. Laŭ la fama Araba vojaĝisto Ibn-Fondlan, la Bulgaroj, konvertitaj al Mohamedanismo en la X[a] jc., servis kiel perantoj inter la Mohamedana mondo kaj la popoloj de norda Eŭropo. Ilia granda civito estis ŝanĝcentro por la produktajoj de la Mohamedanaj landoj kaj tiuj de Eŭropo kaj Siberio. Tiel, de nememorebla tempo, Mohamedana Azio kreis tie ĉi fokuson por sia civilizo, kaj ne por ŝirmi siajn vagantajn hordojn.

La ĉefa subdivido de la Tataroj estas tiu de Kazan. Oni trovas ilin dissemitaj inter la Rusoj kaj la Finaj triboj, en la urboj kaj vilaĝoj, ĉe la bordoj de Volga, de la enfluanto Oka kaj ĉe la enfluantoj maldekstre de Kama. Ili formas gravan parton de la loĝantaro de la gubernioj Kazan, Samara, Simbirsk, Penza kaj etendiĝas ĝis en la gubernioj Saratov, Viatka, kaj Perm. Oni trovas ilin ankaŭ en la gubernioj Tambov kaj Riazan. Ĉiuj ĉi fruktodonaj teritorioj, antaŭ la Tatara alveno en Eŭropo, kiel jam dirite, estis okupitaj de aliaj Turkaj triboj kiel la Bulgaroj, kiuj ne plu estis nomadoj; la Tataroj, instaliĝinte en la centro de tiuj terkulturaj triboj, baldaŭ perdis siajn nomadajn morojn kaj sian invademon.

La Tataroj de Kazan, al kiuj rilatiĝas la Baŝkiroj, la Miŝeroj kaj la Tibteroj, kiujn nenio esenca distingas de la unuaj, konsistigas sufiĉe kompaktajn masojn en la basenoj de la riveroj Volga, Kama, Ak-Itil kaj Oka, samkiel la okcidenta deklivo de Ural-montaro. Ili estas ankaŭ renkontataj en la Eŭropaj kaj Aziaj teritorioj de la malnova Rusa imperio kaj kreis, fandiĝante kun la lokaj popoloj de la sama raso, sufiĉe gravajn fokusojn, ĉu en la ĉefurbo de l'imperio, ĉu en la ĉefaj urboj de l'provincoj. Kazan kvazaŭ disfluigis koloniojn en tutan Rusion.

Baziĝante sur la rezultoj de la lasta oficiala popolkalkulado de la Rusa registaro, en 1897, kaj sur la kalkuloj de la Hungara etnografa societo, oni povas taksi la tutan nombron de la Tataroj je 6 milionoj. Ili formas la absolutan plimulton en la gubernio Ufa kaj en kelkaj distriktoj de la gubernioj Kazan kaj Orenburg. Krom la Kazanaj ekzistas ankaŭ Krimeaj Tataroj, kiuj lastatempe proklamis respublikon en Bakĉi-Saraj, la malnova ĉefurbo de l' ĥanoj. Estas ankaŭ Tataroj en Kaŭkazio, Siberio kaj Turkestano.

* * *

La Rusoj, nomitaj de siaj malnovaj malamikoj *Polovci*, kiuj estis atakitaj de la Mongoloj venintaj el la centro de Turkestano kaj de Ĉinio, antaŭeniris al tiuj barbaroj, kiujn ili renkontis ĉe la bordoj de rivero Kalka. La Rusa armeo preskaŭ tuta pereis (1224). Dum dektri jaroj la Mongoloj kontentiĝis militadi en Ĉinio, sed en 1237 Bati, pranevo de Ĉengis-Ĥan, konkeris la grandan urbon de la Polovci kaj marŝis kontraŭ Riazan, ĉefurbo de unu el la Rusaj ŝtatoj, kiu estis cendrigata. La Tataroj fine ekokupis perforte la ĉefurbojn de multaj ŝtatoj: Rostov, Susdale, Jaroslav, Tver, kaj ĉie la loĝantaro estis buĉata, la lokoj transdonataj al la flamoj. De 1239 ĝis 1240 la Azianoj bruligis Perejaslav, Ĉernigov, Kiev; tiuj urboj estis sieĝataj kaj rabataj, la princoj kaj iliaj regatoj dispecigataj. La invadantoj, nombre pli ol 500,000, kovris la landon. Baldaŭ ili konkeris Volinion kaj Galicion. Tiel tuta Rusio, escepte Novgorod kaj la nordo, apartenis al la Mongoloj. Ili alvenis ĝis Hungario, batalis ĉe Liegnic, en Silezio, sed devis sin retiri ĉe la apero de la Germanaj kaj Polaj armeoj.

Bati starigis ĉe malsupera Volga civiton, nomitan Sarai (la kastelo), kiu fariĝis la ĉefurbo de potenca imperio. La „Ora Hordo" tenis dum du cent jaroj Rusion en sklaveco. La Tataroj, kiuj estis idolanoj dum siaj unuaj militiroj Mohamedaniĝis en 1272 kaj fariĝis fanatikaj defendantoj de Islamo. La invadintoj ne penis Tatarigi la Rusojn, ĉiu popolo konservis siajn regadon kaj morojn, sed ĝi devis pagi pezan popersonan tributon, kaj ĉiu, kiu ne povis ĝin pagi, fariĝis sklavo. Ĉiu popolo devis ankaŭ liveri soldatojn al la „Ora Hordo", kiu uzis ilin por kontraŭbatali unu post la alia la malgrandajn Rusajn princojn, sed la Tataroj montris grandaniman toleremon al la religio de siaj tributantoj.

La Moskvaj princoj, submetiĝinte al la Tataroj, povis iom post iom pligrandigi sian potencon. Kiam la Rusaj princoj sin sentis sufiĉe fortaj, ili rezistis al la Hordo. Oleg de Riazan venkis la Tataran ĉefon Tagaj; Dmitri de Moskvo atakis Kazan'on. En 1378, tiu princo ĝuis grandan venkon ĉe la bordoj de Voja, en la lando de Riazan. La Tatara ĥano Mamai furioza kolektis grandegan armeon el ĉiuj tributantaj popoloj; li estis helpata de Jagellon, grandduko de Letonio kaj reĝo de Polio, kiu perfidis la Kristanojn. Dmitri Donskoj, la grandduko de Moskvo, trapasis la riveron Don kaj atakis, malgraŭ sia malplimulto, la potencan armeon de Mamaj apud Kulikovo. Estis unu el la plej grandaj bataloj de l' historio (1380). Ĝi ŝancelis la Tataran jugon, sed ne liberigis Eŭropon de la Azia minaco. Post la malmobilizo de la Rusaj armeoj, Dmitri ne povis rezisti al Ĥano Toĥtamisk, kiu konkeris Moskvon kaj ĝin bruligis. Dmitri denove vasaliĝis. Lia filo, Vasili Ia (1389—1425) vidis sian landon dezertigata de la Mongolo Tamerlan, kiu venkinte Buĥarion, Iranon kaj parton de Hindio, turnis siajn armeojn kontraŭ Eŭropo. Pli malfrue Edighei, ĉefo de l' Tataroj, atakis Vasili'on, kiu ne plu pagis sian tributon; li atingis Moskvon, kiu estis reviviĝinta el siaj ruinoj, ĝin rabis kaj altrudis grandegan reaĉetpagon (1408). Vasili Vasilieviĉ estis prenata de la Tataroj, sed li povis baldaŭ sin reaĉeti. Sub la regado de tiu monarko, la monarkio Kipĉak (aŭ Ora Hordo) dispeciĝis. Formiĝis du ŝtatoj: Kazan kaj Krimeo. Princo Ulu-Maĥmud kaj lia filo rekonstruis Kazan'on; ili faris el ĝi sian ĉefurbon kaj altrudis sian superregadon al la triboj de Volga: Ĉuvaŝoj, Ĉeremisoj, Bulgaroj de Kama. La ĥanlando Krimeo estis ankoraŭ pli potenca ol tiu de Kazan. Dum 300 jaroj ĉi tiuj Tataroj estis preskaŭ konstante en milito kontraŭ Ukrajnio, Moskovio kaj Polio. La unua ĥano de tiu dinastio estis Azi-Girei.

Ofte la ĉefoj de l' Tataroj de ambaŭ ĥanlandoj memvole soldatiĝis en la Rusaj armeoj kaj atingis altajn gradojn. La Rusoj permesis al ili establiĝi ĉe siaj limregionoj; tiamaniere establiĝis la ĥanlando Kasimov (en la nuna gubernio Riazan). Sed la grandduko de Moskvo nominte Ŝig-Alei, de Kasimov, ĥano de la Krimeaj Tataroj, iu Krimea princo Maĥmet Ghirei, helpata de la kozakoj, atakis Rusion kaj la Kazanajn Tatarojn, venkis la Rusojn ĉe Oka kaj direktiĝis al Moskvo; la grandduko submetiĝis kaj promesis pagi jartributon. Tiam la ĥano reprenis la vojon al Krimeo, sed survoje li estis atakata de generalo nomita Ĥabar, kiu forprenis de li la traktaton subskribitan de la grandduko. Post nelonge Maĥmet estis mortigata de la Nogajoj (1521). Vasili forpelis la Girei'ojn el Kazan kaj devigis la novan ĥanon sin deklari vasalo de Rusio. La unua ago de l' ĉefo estis la malpermeso al la Rusaj komercistoj viziti la foiron de Kazan, kaj la fondo de la foiro de Nijni-Novgorod, kiu ankoraŭ ekzistas.

La posteulo de Vasili estis Ivan IVa alnomita la Terura (1533—1584). Ni ne parolos ĉi tie pri la interna politiko de tiu monarko, kiu tremigis sian popolon, sed pri lia milito kontraŭ la Kazanaj Tataroj. Tiuj ĉi, renversinte la Rusan protektiton kaj vokinte sur la tronon Edigher, princo Nogaj direktiĝis kontraŭ Kazan (1552) kun armeo da 150,000 viroj. La Tataroj kaj iliaj helpantoj de Krimeo, Astraĥano kaj Persio, estis bravegaj, sed post sesmonata sieĝado la urbo estis atakprenata. Ivan la Terura pendigis sur la remparoj de Kazan la Tatarajn militkaptitojn kaj indulgis neniun publikan konstruajon. Li detruigis moskeojn, lernejojn kaj bibliotekojn. Li devigis multajn centmilojn da Tataroj, malkonfesi la patran religion (ilia nacia kaj religia sento estas tamen tiel forta, ke granda parto de la perforte Kristanigitaj Tataroj, post 400 jaroj da subpremo, revenis tuj al Islamo). La Tataroj pereis po miloj en la lukto. Post kvar jaroj la Astraĥana ĥanlando estis ankaŭ aneksata al Rusio. Tio estis la fino de la militiroj kaj de la jugo de l' Tataroj de la „Ora Hordo", sed tiuj de Krimeo daŭrigis dum du jarcentoj siajn rabojn. Devlet Ghierei atakis Rusion en 1571, bruligis Moskvon, mortigis tie grandan parton de la loĝantaro kaj forportis 100,000 kaptitojn. La sekvantan jaron, li renovigis sian ekspedicion, sed estis venkata.

Depost la falo de Kazan, la Rusoj fiksiĝis ĉe ambaŭ flankoj de Volga, inter la Tataraj aŭ Finaj triboj. Ili alportis iom da civilizo, konstruis komunikvojojn, grandaj ŝipoj navigis sur Volga. La paco regis ĝenerale inter la Rusoj kaj iliaj regatoj.

* * *

La Tatara lingvo estas branĉo de la Turanaj lingvoj. La skriba literaturo, kiu datas de tre malproksima epoko, rapide kreskis precipe depost la mezo de la XIXa jc. Tamen estante preskaŭ subpremita de la Rusa tiraneco, la Tatara literaturo ne produktis superajn verkojn; la religiaj diskutoj abundas, sed la seriozaj verkoj mankas, escepte kelkaj libroj pri historio kaj poeziajoj. La estonteco vidigos, ĉu la Tataroj estas kapablaj naski poetojn kaj verkistojn de monda graveco. La nombro de la Tataraj ĵurnaloj kaj revuoj dum la jaroj 1905 kaj 1906, kiam ili ĝuis relativan liberecon, atingis

ĝis dudek. La naciaj lernejoj laŭ moderna tipo progresis ankaŭ mirinde dum tiu liberala periodo. La Rusa registaro, post la revoluciaj jaroj, adoptis ankoraŭ pli severajn limigojn rilate al la lernejoj, „medreseoj" (duagradaj naciaj lernejoj), literaturo kaj gazetaro. La premo sur la lernejoj kaj verkoj Tataraj pligrandiĝis, proporcie al la intelekta vekiĝo kaj progreso de tiuj popoloj. Oni forĝis leĝon por malpermesi la instruadon de la nereligiaj temoj, laŭ la plej mallarĝa senco de l' vorto, en la patra lingvo; ĉiuj aliaj temoj, aritmetiko, historio, geografio k. t. p., devis esti instruataj Ruse. Oni plifortigis tiun leĝon per alia malpermesanta la instruadon, en la „medreseoj", de ĉiuj temoj konsiderataj de la ortodoksa Rusa registaro kiel nereligiaj! Fine, leĝoprojekto estis ellaborita, per kiu la patra lingvo en la unuagradaj lernejoj fariĝis simple ilo por ellerni la Rusan. Oni do ne rekonis la ekzistrajton de la nacia Tatara lingvo.

Ĉiu persono, kiu loĝas inter la Tataroj, frue vidas, ke ili neniel estas kruelaj, ke nenie la gastameco estas tiel malavara kiel ĉe ili, ke ili estas tre superaj al la plimulto de la popoloj en Eŭropo laŭ sobra vivo; Tataro drinkema estas maloftulo. La grandaj Rusaj firmoj preferas dungi kiel veturigistoj Tatarojn, ĉar oni scias, ke tiuj lertegaj veturigistoj ne malsobriĝos, ne elmetos la prezĉevalojn al vundiĝo kaj ne vendos siajn livreajn peltvestojn por drinki. Alitlanke la pureco estas multe pli ĝenerala ĉe la Tataroj ol ĉe la Rusaj muĵikoj. En la distriktoj, kie estas miksitaj vilaĝoj, Mohamedanaj kaj Kristanaj, oni vidas tuj la diferencon. La Tataraj kvartaloj estas pli puraj, pli bone prizorgataj ol la Rusaj partoj. Oni vidas preskaŭ ĉie la litajojn ĉe la fenestroj de la Tataraj *isba*'oj. La Tataro estas tre kapabla por progreso. Li estas bona negocisto, komercisto, industriisto, kaj la plimulto de la vendistoj de feloj, tapiŝoj, k. t. p., estas Aziaj Tataroj. La malbona reputo, kiun oni faris al tiu popolo, venas el la invadoj de Ĉengis-Ĥan kaj de Timur-Leng (Tamerlan), kiuj pelis antaŭ si la Tatarojn kaj faris terurajn dezertigojn en Rusio kaj Ukrajnio.

Ĉiuj sociaj klasoj estas reprezentataj inter la Tataroj; sed la komercista burĝaro kaj la terkultura klaso superas. La nobelaj familioj estas relative maloftaj, ĉar tiu klaso plej multe suferis sub la Rusa regado. Al tiuj diversaj klasoj oni devas aldoni la intelektulojn, kies rolo estas prizorgi la spiritajn bezonojn de la loĝantoj kaj doni direkton al iliaj ideoj, tio estas la imamoj, aĥondoj (pastroj), instruistoj, profesoroj, kuracistoj, advokatoj, verkistoj, k. t. p. Membroj de tiuj klasoj kaj precipe de la burĝaro sin dediĉis al la granda industrio, kies plej gravaj fokusoj troviĝas en Simbirsk, Saratov, Kazan kaj Orenburg. Estas en la gubernioj Simbirsk kaj Saratov dekduo da tute modernaj drapfabrikoj, el kiuj kelkaj okupas ĝis 2500 laboristoj. En Uralmontaro kelkaj oraj kaj platinaj minejoj apartenas al la Tataroj. La Tataroj servas kiel perantoj en la komerco inter Europa Rusio kaj Azio; ĝi estas tradicio ĉe ili. Kazan estas samtempe centro de presado kaj eldonado por ĉiuj Mohamedanoj de Rusio, escepte de Kaŭkazio.

La sufiĉe alta ekonomia nivelo de la Tataroj certigis al ili la konservon de ilia nacia kaj religia personeco, protektante ilin kontraŭ la Rusigado kaj eĉ garantiante ilian progresadon.

Laŭ la iniciato de la Kazanaj Tataroj estis fondata la politika partio de ĉiuj Mohamedanoj en Rusio, nomita „Alianco de la Muslimoj en Rusio". Ĝi elektigis 30 deputitojn je la unua Duma kaj 39, el kiuj 10 estis Tataroj de Kazan, je la dua. La ŝtatperforto de 3 junio 1907 estis fakte direktita pli kontraŭ la nerusaj popoloj ol kontraŭ la Rusa demokratio. Per tiu kontraŭjura leĝo, la elekto de Tataraj deputitoj fariĝis malfacila. La tria Duma havis nur 3 deputitojn. Ofte ili plendis al la Duma, ke iliaj modestaj postuloj ne estas konsiderataj.

La Tataroj postulis nome: 1e egalecon de la civilaj kaj politikaj rajtoj kun la Rusaj ortodoksoj; 2e kulturan liberecon kaj aŭtonomion, t. e. libereco kaj aŭtonomio de la lingvo, instruado kaj religio de la Tatara nacieco.

La Tataroj pruvis sian viveblecon kaj eksterordinaran energion dum ĉiuj renversegoj de la pasintaj epokoj, kaj ili rajte esperas, ke fine iliaj aspiroj trovos eĥon en la kultura okcidento, kie decidiĝas la sorto de la nacioj.

*Ivan H. Krestanov.*[1]

[1] Laŭ M. Akischura, G. Brocher, k. a.

---

# La Aria Samaj

Religia-sociala movado en Hindio

II

La reformo, kiun Aria Samaj celas enkonduki, laŭ la ekzemplo de sia majstro, ne limiĝas al la religia doktrino, sed rilatas ankaŭ al la kulto. La bestoferojn al idoloj kaj sennombrajn aliajn sanktajn ceremoniojn anstataŭigu religiaj praktikoj, pravigitaj de la Vedoj. Ili estas precipe la matena kaj vespera meditado pri Dio, la tage almenaŭ unufoje plenumota legado de sankta teksto kaj la homa oferado, t. e. la ĉiumatene en ĉiu domo farota brulado de solvita butero (gi), kiel ankaŭ la 16 sakramentoj (sanŝaras), kiuj estigas la haltejojn de la homa vivo, de la gravediĝo ĝis la enterigo. La diservo ĝenerale okazas dimanĉon matene; laŭ sia puritana simpleco ĝi similas al protestanta kulto. Ĝi konsistas el la homa oferado, la kantado de himnoj, preĝoj, prediko kaj legado el la sankta skribo. Ĉar Aria Samaj ne havas pastraron, ĉiu ano de la komunumo havas la rajton prediki, se li tion deziras.

En sociala rilato la plej karakteriza trajto de Aria Samaj estas ĝia malŝato de la kastoj. La universala egaleco de ĉiuj homoj estas por ĝi sankta ordono, anoncita de la Vedoj; ĝi do forigis por ĉiuj siaj anoj la tutan regularon pri nutrado, edziĝo k. t. p., kiu tiel multmaniere ĝenas la vivon de l' ortodoksa Hindo. Ankaŭ la virinon Aria Samaj provas egaligi al la viro, donante al ŝi la samajn rajtojn kiel al li; plie ĝi kondamnas la edziĝon de infanoj: la junulinoj estas edziniĝeblaj nur de la 16a vivjaro, la junuloj de la 25a. Pri la demando, ĉu la vidvinoj rajtas reedziniĝi, Aria Samaj ne ankoraŭ findecidis; dum kelkaj permesas la reedziniĝon, aliaj, kiel Dajanando mem, ĝin malrekomendas.

Laŭ la demokrata spirito reganta en Aria Samaj, la konstitucio de la komunumo estas reprezenta. Ĉiu kredanto je la Vedoj kaj je la klarigo de ili per Dajanando Saravasti, kiam li havas 18 jarojn, povas post unu provjaro fariĝi rajtigita voĉdonanto en la societo. La anoj de la loka Samaj elektas la oficistojn kaj la reprezentantojn por la provinca Samaj. El ĉiu provinca Samaj estas elektataj delegitoj al la Hinda ĝenerala kunveno, kiu sekve estas la plej alta reprezento de ĉiuj adeptoj, kaj peras la rilatojn inter la unuopaj societoj.

Kelkajn jarojn post la morto de Dajanando, en 1886, estis jam fondata en Lahor sub la direkto de Lala Hansraj la „Dajananda-Anglo-Vedic College". Helpe de relative malmultaj monrimedoj, tiu ĉi instituto fariĝis baldaŭ gravega

edukejo. Komence de 1904 la nombro de la lernantoj estis 1787 en la lernejo kaj 903 en la kolegio. Oni tie instruas la Sanskritan, Hindan, Anglan, Persan lingvojn, filozofion, historion, ekonomion, fizikon, ĥemion, botanikon, biologion kaj matematikon.

La konservemaj anoj de l' Aria Samaj post kelka tempo konsciis, ke tiu ĉi instituto kun siaj modernaj emoj ne estas tute konforma al la idealo, kiun ili havis pri edukejo nepre laŭ la Vedoj. Ili do, sub la egido de Munŝi Ram, en 1902, fondis en Hardvar la „Gurukula", kiel realigon de sia penso.

Tiu ĉi originala instituto tute rigore sin apogas sur la principoj de la Veda edukado, kiel ĝi estis praktikata de la bramanaj instruistoj kun iliaj lernantoj en la arbaro; tamen ĝi ne malatentas la postulojn de la moderna kulturo. Knaboj 7—8 jaraj el ĉiuj popolklasoj povas ĝin eniri, kaj jure promesi malriĉecon, ĉastecon kaj obeon dum 16 jaroj. Ili estas sub la konstanta observado de siaj superuloj, kaj ne estas permesate al ili viziti iliajn hejmojn dum tiu tempodaŭro. La lernantoj — nuntempe pli ol 300 — ordigitaj en dek klasoj kaj unu kolegia divizio, estigas grandan familion, patrece sed severe edukitan. Kvankam vere tre patriota, ĉiu influo de la registaro kaj aliaj faktoroj sur la funkciado de l' instituto estas malakceptata. La instrua lingvo estas la Hinda, la studo de la Sanskrita lingvo estas zorge atentata, kun tiom da sukceso, ke la junuloj post kelkaj jaroj estas jam kapablaj interparoli per tiu lingvo. Se la studo de la Vedoj estas esenca, la moderna scienco kaj la Angla literaturo ne estas flankelasataj. Oni ankaŭ prizorgas la korpan perfektigon de la knaboj. La bonaj rezultoj atingitaj de la Gurukula per sia instrumetodo estis rekonataj de la Angla guberniestro de l' Penĝabo, Sir James Meston. La graveco de Gurukula por Aria Samaj en la daŭro de l' tempo pli kaj pli intensiĝos, ĉar ĉiu lernanto, kiu pasigis tie 16 jarojn de sia vivo, fariĝos entuziasma apostolo de la Veda doktrino kaj sindonema servanto de sia patrolando.

Krom la du menciitaj institutoj, Aria Samaj havas ankoraŭ multajn aliajn edukejojn por knaboj kaj knabinoj, kaj virinan gimnazion en Jallandhar.

Aria Samaj altgrade sin dediĉas al homamaj celadoj, precipe al la zorgo pri vidvinoj kaj georfoj, kaj al la plidolĉigo de la suferoj kaŭzataj de la malsategoj. Sed antaŭ ĉio ĝi penadas por la purigo (Phuddhi) de la malaltaj popolklasoj. Membroj de kastoj malrespektataj kaj konsiderataj malpuraj, estas konvertataj de la Aria Samaj'anoj al la Veda religio kaj akceptataj en ilian societon. Per tia rimedo, kiu kompreneble estas kondamnita de la ortodoksaj Hindoj, la disigantaj bariloj de la kastaj leĝoj estas faligataj, kaj por multaj aperas vojo al pli bona estonto.

La efiko, kiun havis Aria Samaj dum la 43 jaroj de sia ekzisto sur la Hinda popolo precipe de la nordo, estas gravega. El ĉiuj reformnovadoj, kiuj okazis en Hindio dum la pasinta jarcento, neniu tiel klare videbliĝis kiel tiu ĉi. Tio rezultas unue el la graveco de la de ĝi reprezentitaj idealoj, kiuj ampleksas preskaŭ ĉiujn fakojn de la sociala vivo, kaj plue el la arda spirito, kiun Dajanando inspiris al sia kreaĵo, kaj kiu senlace propagandas por liaj opinioj. Sed unu karakteriza trajto diferencigas Aria Samaj'on de ĉiuj aliaj religiaj societoj, nome la nacia tendenco esence propra al ĝiaj principoj. Certe por ĝi la Veda religio estas la universala prareligio de la homaro, kiun posedi ĉiuj homoj estas rajtigitaj; sed la fakto, ke la Vedoj estas rivelitaj en Sanskrita lingvo al la Hindoj, la supre skizitaj historiaj supozoj, laŭ kiuj la Arioj (t. e. Hindoj) estis la plej eminentaj homoj, estrantaj la mondon, kompreneble flamigas la nacian senton, precipe kiam estas aldonata la promeso, ke la ora epoko de l' pasinto revenos, kiam la Hindoj ree estos alprenintaj la puran kredon kaj la altan moralecon de la prapatroj.

La klopodoj de Aria Samaj por la realigo de siaj idealoj devigis ĝin konstante batali kontraŭ la Kristanaj misiistoj, la Mohamedanaj pastroj kaj la reprezentantoj de l' ortodoksa Hindismo, kaj ankaŭ kontraŭ la Brita registaro. En sia konata libro „Indian unrest" Sir Valentin Chirol kulpigas Aria Samaj'on pri konspiro kontraŭ la Brita estreco. Ke Aria Samaj por la estonto esperas staton, en kiu Hindio povos sin dediĉi al siaj propraj Vedaj idealoj — idealoj ne atingeblaj sub fremda influo — tion Dajanando Sarasvati mem esprimis jene: „Estas plej bone, ke lando sin mem regas. Fremda regado, eĉ sen religiaj antaŭjuĝoj, senpartia kontraŭ enlanduloj kaj fremduloj, amika, favora kaj justa, neniam feliĉigos popolon. Se la malbonaĵoj de la lingva disiĝo, de la sekta diversiĝo kaj de la kolizio de la ekonomiaj interesoj ne estas forigataj, estas neeble, ke la popolo fariĝu tute feliĉa. Tiu ĉi celo povos esti atingata nur se la ordonoj de l' Vedoj estas respektataj; tial ĉiuj bonaj homoj devas konstante atenti tiujn ordonojn kaj la ekzemplojn, kiujn la sankta skribo al ili aldonas." (Sathyortha Prakash ĉap. 8.)

*D-ro Helmut v. Glasenapp.*

El la revuo „Der neue Orient".

Trad.: *A. C.*

# La Ciganoj

Ĉe la Ciganoj! Tio estas en la fantazia lando de l' vagulo, en la lando de la senzorgeco, de la gajeco, de la vagema kaprico, de la reva maldiligenteco. Libere kiel la birdo, vojaĝante kiel la vento, la cigano iras tien, kien lin puŝas lia kaprico aŭ lia volo. Kion li bezonas por esti feliĉa? Brunan kunulinon, sunon, herbejon, horizonton, la flustron de rivereto en la musko, iom da tia poezio de la sovaĝa vivo, kiu ŝajnigas la civilizitan vivon tiel malgaja, tiel unutona. Kie li trovas ion por nutri siajn ĉevalojn, sufiĉe da ligno por fari fajron, tie li starigas sian tolltendon kaj pasigas la tagojn, kuŝante sur la dorso aŭ sur la ventro, fumante sian pipon, tiel trankvile, kvazaŭ nenio mankus al li sur la tero, kaj revante revojn nepriskribeblajn, dum li rigardas la fumon disiĝantan en la aeron. Poeto diris pri ili: „Pro la entuziasmo pri sia sendependeco la Ciganoj estas indiferentaj pri la mizero, kiel pri la maljusteco de l' sorto. Mi lernis de ili, kiamaniere oni sin konsolas kiam la fatalo perfidas: oni sin konsolas dormante, fumante kaj kantante."

En sia ŝajna mizero tiu ĉi strangulo restas milionulo rilate al iluzioj, gajeco, bona humoro. La ĉefa el ĉiuj bonaĵoj estas por li la libereco. Kie oni ĝuas la maldiligentecon, kie oni ebriiĝas de muziko, jen lia patrujo, la lando, kiun li serĉas, kiun li adoptas, pri kiu li revas. Kie li povus trovi tion pli bone ol en la grandegaj stepoj de Hungario, kie oni vojaĝas tutajn tagojn, ne renkontante aliajn vivantajn estaĵojn ol aglojn, cikoniojn, arojn da anasoj, trupojn de sovaĝaj bestoj?

Kiel la Bedueno, sia frato en la vagabondemo kaj poezio, la Cigano ne enradikiĝas en la grundon, li ne havas hejmon, eĉ kiam li loĝas en dometo aŭ kabano. Lia toldomo faldiĝas laŭvole, kaj li transportas ĝin de loko al loko, kiel veston en valizo. Tamen, kelkaj el ili loĝas en malgrandaj dometoj ekster la vilaĝoj, aŭ elfosigas loĝejojn en la tero kiel la kavernuloj. Sed la hejmo havas tiom malmulte da allogo por la membroj de tiu vaganta gento, ke ili malofte pasigas la someron en siaj loĝejoj. Ili foriras

en la arbaretojn, al la freŝa aero, al la sunlumo, kien ajn ilin puŝas la sento aŭ la amo al la libereco.

Ekzistas dometoj de Ciganoj, kiuj dum tutaj jaroj restas fermitaj; iun tagon la blua, diafana fumo eliras denove tra la pordoj; nudaj infanoj, kupraj kiel Indianoj, ludas kun granda malpurega hundo, simila al lupo, viro malŝarĝas ĉareton ankoraŭ jungitan per du malgrasaj ĉevaloj, kaj virino, la pipon en la buŝo, duone vestita per jupo kaj disŝirita ĉemizo, foriras al la cisterno por plenigi malnovan kuvon je akvo. La familio revenis, sed ne por longatempe; iun matenon la dometo estas denove fermita; la vagantaj birdoj forflugis!

La Cigano ne havas fiksajn horojn por la ripozoj; li laŭ la maniero de la sovaĝuloj manĝas kiam li malsatas. Liaj manĝaĵoj konsistas ĝenerale el terpomoj, lakto kaj lardo; tamen ili havas ankaŭ rafinaĵojn. Por la Cigano erinacoj, vulpoj, sciuroj, katoj estas princaj festenaĵoj. Li dresas siajn hundojn por ĉasi la sciuron kaj la vulpon. Ambaŭ viandoj ne estas same preparataj. La erinaco, senhaŭtigita je siaj pikiloj, estas trafrotata per ajlo, lardata per bulbo, pikata kaj elmetata al fajro; ĉar tiu ĉi besto estas tre grasa ĝi havas sukan karnon. La vulpo, elmetita dum du tagoj en flua akvo, estas kuirata sub cindro en truo kovrita per verdaj folioj. La Ciganoj estas tre avidaj por la viando de mortintaj bestoj; kiam ili ekscias, ke brulado okazis, ili rapidas tien por havigi al si la bestojn kaŝitajn sub la rubo. Same kiel la orientanoj ili manĝas per la fingroj.

Ekzistas ankoraŭ 150,000 Ciganoj en Moldo-Valaĥio. Tiuj ĉi eternaj vaguloj, indiferentaj pri ĉiuj progresoj de la civilizo depost tiom da jarcentoj, tiuj ĉi mallaboremaj reĝoj de la dezerto, kiel oni nomis ilin, plejparte senhejmaj vagantoj kun ĉaroj trenataj per du astmaj ĉevaloj kaj akompanataj de strange vestitaj virinoj, junulinoj kaj nudaj infanoj, rigardas nun tiun ĉi landon kiel sian patrujon. Ĝis nun ĉiuj provoj civilizi ilin estis senefikaj. Oni povis allogi ilin, nek per la oro, nek per aliaj promesoj. La sovaĝa naturo ĉiam regas ilin. Oni rakontas rilate al tio tre karakterizajn anekdotojn: Cigano, atinginte la gradon de supera oficiro, iam malaperis. Ses monatojn poste oni renkontis lin inter bando de Ciganoj, en la stepoj. Juna Slovaka kampulo estis edziĝinta kun bela Ciganino. Kiam li forestis, lia edzino kutime foriris en la arbaron, dormis sub la steloj, nutriĝis per erinacoj, kiel en la tempo kiam ŝi vagis libere.

La Cigano abomenas la devigon, la laboron, ĉion kio ligas la homon al la tero kaj limigas lian agadon kaj liajn movojn. La lingvo de la Ciganoj ne havas esprimon por traduki: loĝi. La pli multaj de la metioj, kiujn ili havas, estas lokŝanĝaj: ili estas ĉevalkomercistaĉoj, bestkuracistoj, stanistoj, forĝistoj, najlistoj, ursmontristoj kaj antaŭ ĉio almozuloj. Kiam vi per veturilo pasas sur vojo, vi vidos subite post la boskoj, kie ili starigis sian restejon, Ciganojn nudajn kaj belajn, kiel antikvaj bronzaĵoj, kiuj sekvas vin radsaltante, kelkfoje dum duona horo, ĝis kiam vi fine aljetis moneron. En la urbaj stratoj la maljunaj Ciganinoj, al kiuj oni almozdonis, amikeĝe respondas: „Mia bela, kara, nobla sinjoro, vi estas bona kiel la pankrusto."

La Cigano mem donis al si la nomon malriĉulo (Ĉorcle rom). La almozpetemo estas ĉe ili tiom enradikiĝita kutimo, ke la riĉaj Ciganoj, kiujn oni renkontas, kondukantaj rasĉevalojn kaj portantaj juvelaĵojn, orĉenojn, ringojn, bastonojn arĝentitajn, ne povas sin deteni de almozpetado. Iliaj virinoj antaŭdiras la sorton, vendas amtrinkaĵojn aŭ estas jonglistinoj aŭ dancistinoj. La Ciganoj ankaŭ volonte plenumas la funkciojn de ekzekutisto aŭ ekzekuthelpisto, kaj ili scias pli bone ol iu elpensi kaj variigi la torturojn. Malofte la Cigano fariĝas teatristo. Ekzistas tamen iuj, kiuj montras marionedteatrojn kaj verkas la popolajn teatraĵojn, kiujn ili ludas. La kampularo ankoraŭ kredas, ke la Cigano per magiaj formuloj povas estingi brulojn, ŝirmi la domojn kontraŭ fajro, eltrovi fontojn kaj trezorojn, kuraci malsanojn. Ili certe estas lertaj ĉevalkomercistoj kaj funde konas la arton revivigi la fortecon kaj la flekseblecon de maljunaj ĉevalaĉoj. Oni malpermesis al ili la komercon de ĉevaloj. Iam oni montris al mi en strato de Szégedin Ciganan ĉevalkomercistaĉon, kiu posedis du aŭ tri centmil frankojn.

Ĉar ne ekzistas regulo sen escepto, tamen kelkaj el ili fine forlasis la vagan vivon kaj fariĝis pli-malpli hejmsidaj. En Transilvanio oni trovas Ciganojn, kiuj fariĝis agemaj kaj inteligentaj terkulturistoj. Aliaj estas brosfabrikantoj, lignoskulptistoj, tegolistoj, masonoj, kamentubistoj, forĝistoj, ŝnuristoj, orlavistoj, dentistoj kaj muzikistoj.

Estante fervoraj trinkantoj de brando, ili dividas kun siaj edzinoj la malgrandan botelon, kiun tiuj ĉi iras plenigi ĉe la Juda trinkejestro, tuj kiam kelkaj moneroj eniris la komunan kason.

La Cigano estas bona ekzemplo de la natura elekto. Meze de la hazardaĵoj de tiu ĉi vaga vivo, je ĉia vetero kaj dum ĉiuj sezonoj, tiuj, kiuj ne estas sufiĉe fortikaj por la vivbatalo, restas survoje kaj mortas. Tiuj, kiuj pretervivas, havas tre fortikan sanon. Ili rezistas al ĉiuj malsanoj kaj epidemioj. Oni neniam vidis Ciganon suferantan de la artrito aŭ reŭmatismo. Kiam ili ekmalsaniĝas, ili rifuzas ĉiujn drogojn; ili konas kiel kuracilojn nur la brandon, la bulbon kaj la safranon.

De fleksebla, gracia talio, la Cigano malofte superas la mezan grandecon. Sub la bronza haŭto oni rekonas nek la reton de liaj vejnoj, nek la moviĝon de liaj muskoloj. Liaj vangoj neniam koloriĝas, eĉ ne en kolero. Lia vizaĝo estas ovala, liaj okuloj nigraj kaj profundaj estas ombrataj per longaj okulharoj. Lia vigla rigardo havas sovaĝan kaj melankolian aspekton; lia buŝo estas bela; liaj lipoj estas arkaj, lia barbo maldensa, liaj dentoj estas malgrandaj, kaj havas tian blankecon, kian nek la tro varmaj nutraĵoj nek la tabaktrouzo povas senbriligi. Post sia libereco la Cigano plej ŝatas sian pipon. Kiam li sukcesis trankviligi la malsaton, se restas al li sufiĉe da tabako por ŝtopi lian pipon, la Cigano estas ĝojega, kaj lia vizaĝo radias de kontenteco kaj plezuro. En la Cigana gento ĉiuj fumas: maljunuloj, virinoj, infanoj. Ne ekzistas alia egalvalora surtera ĝuo. Cigano kondamnita petas ĉiam kiel lastan favoron fumi pipon.

La Ciganoj efektive ne posedas ian politikan rajton, kaj ili aliflanke eĉ ne postulas tion. Ilia nomada vivo konsideriĝas ilin kiel trapasantajn, iom timatajn gastojn, kiujn ĉirkaŭas la mistero de malpreciza kaj poezia legendo.

Trad.: *Rob. Kreuz.*

# ❀ NOTOJ ❀

.·. **La Dana Fondaĵo Rask-Ørsted.** — La ministro de publika instruado en Danio, S-ro Keiser-Nielsen, prezentis al la Dana parlamento proponon pri starigo de fondaĵo da 5,000,000 Kr. (jare 250,000 Kr.), kiu devas porti la du famajn Danajn nomojn *Rask-Ørsted*. La penso, pere de tia fondaĵo redaŭrigi la internacian sciencan laboron, fruktodonan al la Dana-Norvega-Sveda scienco, estis i. a. kun forto prezentata de Prof. Fr. Stang en la Skandinava parlamentara delegit-kunveno en Kristiania 1917. Poste oni en ĉiu el la tri landoj preparis la aferon. En Danio estas starigita komitato kun la ministro por defendaferoj, D-ro phil. Munch, kiel prezidanto.

La celo de la fondaĵo estas jena: Apogo de esploroj, kiuj okazos per internacia kunlaborado kaj publikigo de la tiamaniere

atingitaj rezultatoj, helpo al aranĝado de internaciaj sciencaj kunvenoj en Danio, invito al fremdaj sciencistoj por doni instruadon, disdono de stipendioj al eksterlandanoj, kiuj deziras studi en Danio kaj al Danoj, kiuj deziras studi eksterlande. Publikigo de Danaj sciencaj laboroj en mondlingvo, klariga laboro al eksterlando rilate al Dana scienca esplorado, kaj fine apogo al societoj kaj unuiĝoj, kiuj laboras por la sama celo kiel la fondaĵo. La ministro substrekas fine kiel celinda, ke oni havigu al Danaj sciencaj laboroj tiun lokon en la internacia scienco, kiun ili povas postuli, zorgante ke ili estu tradukataj en mondlingvon.

∴ **Militpaperoj.** — La dokumentoj, ĵurnaloj kaj libroj estas nuntempe presataj sur celulozaj paperoj. En la malnova tempo la papiruso kaj poste la pergamenoj daŭris tra jarcentoj. Pli freŝtempe la paperoj uzitaj por libroj kaj ĵurnaloj estis sufiĉe fortikaj por rezisti longan tempon. Kompetentuloj nun asertas, ke la paperoj uzitaj dum la milito por la ordinaraj eldonaĵoj estos forpolviĝintaj post kvindeko da jaroj, tiel ke el la amasego de presdokumentoj pri la milito restos fine por la estonta historiisto nur malmultaj luksaj eldonaĵoj kaj manuskriptoj; la cetero estos nur polvaĵo...

Feliĉe la abonantoj de la luksa eldono de „Esperanto“, post kvindek jaroj ankoraŭ povos legi la militkolekton de sia ŝatata gazeto. Rekompenco neniam estas tro malfrua.

∴ **Nordpolusa ekspedicio per aeroplanoj.** — Oni komunikas de Nov-Jorko al la Stokholmaj ĵurnaloj, ke la tiea aeroklubo decidis aranĝi ekspedicion al la arktaj regionoj por fari fotografaĵojn de la nordpoluso el aeroplanoj. Oni ankaŭ intencas esplori la superajn aertavolojn kaj la etendiĝon de la polusa baseno. La ekspedicio estos plej bone provizata. En julio aŭ aŭgusto estos entreprenataj flugoj super la nordpoluson ĝis kabo Ĉeljuskin, la plej norda pinto de la Azia kontinento; samtempe pli malgrandaj aeroplanoj devus plenumi gravajn esplorajn flugojn. La ideon pri aeroplana ekspedicio al la poluso unue havis la fama esploristo Peary.

∴ **Aeraj vojaĝoj Parizo—Londonon.** — Tuj kiam la cirkonstancoj tion permesos, estos starigata aera servo por pasaĝeroj inter Londono kaj Parizo. En Londono la organizo estos prizorgata de kompanio jam fondita antaŭ pluraj jaroj por uzi la aeroplanon dum pactempo. La tuta vojaĝo, enkalkulante aŭtomobiltransporton, daŭros tri horojn.

# *Al niaj abonantoj*

*La personoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, estas petataj sendi al ni la reabonpagon kiel eble plej baldaŭ por eviti ĉiun prokraston en la ekspedado de la gazeto.*

⁂

*Abonejoj por la landoj, de kie internaciaj poŝtmandatoj nun ne estas sendeblaj:*

*Aŭstrio:* D-ro Sós, Tuchlauben 18, Wien.

*Bohemio:* Administrejo de „La Progreso“, Radynská 10, Plzeň.

*Hungario:* Librejo Kokai Lajos, Kamermeyer Karoly u., Budapest IV.

*Polio:* Adolf Oberrotman, Krak. Przedmiescie, Warszawa.

*(Abonprezo por tiuj landoj: 12 Kronoj. Luksa eldono: 14 Kronoj.)*

⁂

*Nia gazeto aperas nun regule kun 16 paĝoj, anstataŭ 12, kaj espereble baldaŭ kun 20, sen plialtiĝo de prezo. Varbu novajn abonantojn, kaj ni realigos novajn progresojn!*

 LITERATURO 

# Aglo

De **Tjodor Dostojevski**

La suba peco estas fragmento el la „Memorskriboj de Mortintejo“ de la fama Rusa verkisto. Ĝi estas represita de Leo Tolstoj en lia „Ciklo de Legaĵoj“.

Vivis ĉe ni en la malliberejo dum iom da tempo ankaŭ aglo el la speco de stepaj, malgrandaj agloj, kiujn la Tataroj nomas „Karaguŝo“. Iu alportis ĝin en la malliberejon vundita kaj konsumiĝinta. La tuta punlaborularo ĉirkaŭis ĝin: ĝia dekstra flugilo pendtreniĝis sur la tero, unu piedo estis elartikigita. Mi memoras, kiel furioze li rigardis ĉirkaŭe al la spektaklavida homamaso kaj malfermegis sian ĝibforman bekon, pretiĝante kare vendi sian vivon. Kiam ĉiuj ĝin satrigardis kaj komencis disiri, li lamsaltante per unu piedo kaj svingetante per sana flugilo foriĝis en la plej malproksiman ekstremaĵon de la malliberejo, kie li sin kaŝis en angulo, sin dense preminte ĉe la barpalisoj. Tie li vivis ĉe ni ĉirkaŭ tri monatojn kaj la tutan tempon ne unu fojon eliris el sia angulo. Komence punlaboruloj ofte venis rigardi lin, instigis sian hundon ataki lin. Ŝarik[2] kun furiozo sin ĵetis kontraŭ lin, sed videble timis alkuri tute proksimen, kio tre amuzis la arestitojn.

„Sovaĝa birdo“, diris ili, „ne lasas sin ofendi!“

Poste Ŝarik ankaŭ komencis fari al li doloron: la hundo ĉesis timi kaj, instigite, li sukcesis kapti la aglon ĉe la malsana flugilo. La aglo sin defendis el ĉiuj fortoj per siaj ungegoj kaj beko, fiere kaj kolerege, kvazaŭ vundita reĝo, ĉirkaŭrigardis la vidamaĵn vizitantojn premkaŝiĝante en sia angulo. Fine, li tedis ĉiujn; ŝajnis, ke ĉiuj malinteresiĝis je li; tamen ĉiutage oni povis vidi apud li pecojn da freŝa viando kaj poton kun akvo. Sekve, iu zorgis pri li. Unue, li ne volis eĉ manĝi, dum kelkaj tagoj li ne manĝis; fine, li komencis manĝi, sed neniam el la manoj aŭ en la homa ĉeesto.

Pli ol unu fojon okazis al mi observi lin. Vidante neniun kaj imagante esti sola, iafoje li decidiĝis eliri el sia angulo malproksimen kaj lammarŝis laŭlonge de la palisaro, ĉirkaŭ dekdu paŝojn de sia restadejo, poste revenis kaj denove eliris, kvazaŭ por moviĝekzercado.

Ekvidante min, li tuj per ĉiuj fortoj lamsaltetante unupiede rapideme revenis al sia ĉiama loĝejo kaj, postenjetinte la kapon, malfermeginte la bekon, starigante sian plumaron, tuj pretiĝis por batali. Per neniaj karesoj mi povis lin kvietigi: li mordadis kaj baraktadis, neniam volis preni viandon, kaj la tutan tempon de mia observado, li fiksege alrigardis miajn okulojn per sia kolera, trapenetra rigardo. Soleĉe kaj kolerplene li atendis la morton, fidante neniun kaj paciĝante kun neniu. Fine, la arestitoj ŝajnis rememori pri li; kvankam neniu vidigis zorgon pri li, neniu aludis pri li dum ĉirkaŭ du monatoj, subite ĉe ĉiuj aperis simpatio al li. Ili ekparolis, ke oni devas liberigi la aglon.

„Li mortu, sed ne restu en la malliberejo!“ diris iuj.

„Certe, li estas birdo liberama, sovaĝa, oni ne povas kutimigi lin vivi en malliberejo,“ jesis aliaj.

„Videble, li sentas alie ol ni,“ aldiris iu.

„Jen sensencaĵo! Li estas ja birdo kaj ni homoj.“

„La aglo, fratoj, estas caro de la arbaroj,“ komencis la belparolema Skuratov, sed tiun ĉi fojon oni ne volis lin aŭskulti.

Foje, post la tagmanĝo, kiam oni fortamburis por voki al la laboro, arestitoj prenis la aglon, kunpreminte lian bekon per mano, ĉar li komencis kruele bekbati, kaj elportis lin ekster la malliberejo.

Oni venis ĝis la remparo. Ĉirkaŭ dekdu homoj, el kiuj konsistis tiu ĉi labortaĉmento, arde deziris vidi, kien iros la aglo.

[1] Tiel nomis Dostojevski sian punlaboran malliberejon en Siberio.
[2] Ofta voknomo de hundo ĉe la Rusoj.

Strange efikis tiu ĉi liberigo! ĉiuj aspektis kontentaj je io, kvazaŭ ili mem parte liberiĝis.

„Kia diablaĉo! ni faras bonon al li, kaj li ne ĉesas mordi", diris la arestito, kiu lin tenis, rigardante preskaŭ ame al la kolerplena birdo.

„Lasu lin libera, Mikitka."

„Ŝajnas, ke per nenio oni lin obeigus … Oni donu al li liberecon, veran liberecon, la karan!"

La aglon oni dejetis de la remparo en la stepon. Estis fine de aŭtuno, dum malvarma kaj malhela tago. La vento fajfadis tra la kalva stepo kaj bruadis en flaviĝinta, seka, tufa stepherbo. La aglo ekkuris laŭ rekta direkto svingante per la malsana flugilo kaj kvazaŭ rapidante foriri de ni, fidante nur siajn okulojn.

La arestitoj scivole observis, kiel lia kapo batiĝas tra la herbo.

„Vidu lin!" enpense elparolis iu.

„Li tute ne postrigardas," aldiris alia.

„Ne unu fojon, fratoj, li postrigardis, li tute ne haltas!"

„Kaj ĉi kredis, ke li revenos por danki," rimarkis tria arestito.

„Certe, ĝi estas libera! Li eksentis la liberecon."

„Nun li faros, kion nur volos …"

„Oni lin plu ne vidas, fratoj …"

„Kial vi staras tie? Marŝ …!" ekkriis la eskortsoldatoj, kaj ĉiuj silente nerapideme ekiris por labori.

Trad.: *A. Ŝarapov.*

---

# Versaĵoj en prozo

De **Casimir Tetmajer**

Casimir Tetmajer estas konata Pola poeto, naskita en Ludzmierz (Galicio) en 1865. La de li publikigitaj tri kolektoj de lirikaj poeziaĵoj (1891, 1897, 1899) havas panteistan kaj pesimistan inspiron. Konataj estas ankaŭ lia novelo „Abato Petro", la romano „Anĝelo de la morto", la psikologiaj fantaziaĵoj „Abismo" kaj „Melankolio" kaj la dramo „La nigra Zawisza". Pli popularaj estas liaj „Versaĵoj en prozo".

## Memoro

Al la mortanto malheliĝis ĉe la okuloj, kaj li sentis, ke la morto proksimiĝas; li komencis rerigardi en sian pasintecon, volante ankoraŭ unufoje vidi sian vivon.

Kaj antaŭ liaj okuloj pasis diversaj figuroj laŭ malrapidaj kaj longaj vicoj, kaj ĉiu figuro portis kun si la memoron pri sufero aŭ ĝuo. Sed ĉar la memoroj pri sufero estis pli multaj, la mortanto pensis, ke ne meritas bedaŭri pri tio, ke li ne vidos plu tiujn vizaĝojn.

Sed subite en la amaso ekbrilis okuloj plenaj je larmoj; li rekonis ilin kaj, forpelinte la aliajn fantomojn, enrigardis ilin.

Ili estis la okuloj de maljuna almozulo, al kiu li en glacia nokto donis sian kovrotukon, fortirinte ĝin de sia dorso.

Kaj lin kaptis bedaŭro, ke la lastan fojon li rememoras tiujn okulojn, kaj ke post sia morto li ne plu povos ilin rememorigi al si.

## Juĝo

La animon elirintan el la korpo la anĝelo kaptis ĉe la mano, ĝin kondukis en ian malgajan dezerton kaj ĝin sidigis sur ŝtonon. Kaj de supre, trans la sternitaj super la tero malhelaj, plumbaj nebuloj, aŭdiĝis voĉo: „Juĝu vin mem! …"

Kaj tuj antaŭ la okuloj de la animo ekfluis rivero, kaj la animo vidis, ke la akvo konsistas ekskluzive el larmoj, sed ĝi estis malpura.

Kaj la anĝelo diris: „Rigardu, tio ĉi estas la larmoj, kiujn vi verŝigis, kiam vi estis tie sur la tero."

Kaj la animo respondis: „Jes, sed tie ĉi fluas ankaŭ miaj larmoj."

Kaj trifoje la anĝelo demandis la animon, kaj trifoje ĝi respondis.

Sed subite la malpura akvo de la rivero fariĝis pura kiel kristalo kaj tre profunda. Kaj la anĝelo diris: „Tio ĉi estas la larmoj de via patrino."

Kaj la animo kovris sian vizaĝon kaj respondis: „Pri ili mi estas kulpa, ĉar tie ĉi mankas miaj larmoj."

## Ombro

Ĉie post la homo sekvas ombro, kiu lin forlasas neniam, nek tage, nek nokte. Ofte li ĝin rigardas kaj ne vidas, tiel same kiel ni ne vidas iam la arbojn, kiuj kreskas antaŭ la domo, kie ni delonge loĝas, aŭ la pasantojn sur la strato, kiam alia penso nin posedas.

Tiu ĉi ombro estas nedividebla de la homo ankaŭ en tiuj minutoj, kiam li, kiel junulo, falas sur la patrinan bruston; ankaŭ tiam, kiam li rigardas la duonfermitajn okulojn de la virino malfortiĝanta en liaj pasiaj ĉirkaŭprenoj, serĉante en ili la honton kaj la deziron, pli fortan ol la honto; ankaŭ tiam, kiam, rigardante la printempan herbon, li pensas, ke eble la venontan printempon la herbo verdiĝos sur lia tombo.

Tage kaj nokte, ĉiam kaj ĉie tiu ĉi ombro sekvas la homon, ĝi estas al li fidela kiel la soleco kaj pli fidela ol la pasia soifo je la feliĉo. Tiu ĉi ombro estas la morto.

Trad.: *Iv. H. Krestanov.*

---

# Ekstazo

de **Victor Hugo**

*Mi sidis ĉe l' maro, sub stela ĉielo.*
*La nuboj disflugis, fornaĝis ŝipvelo.*
*Transviven rigardis la miaj okuloj,*
*Kaj arboj, kaj montoj, la tuta naturo*
*Intime parolis kun dolĉa murmuro*
*Al la krepuska marspegulo.*

*Kaj brilaj stelaroj, sennombraj orkronoj,*
*Jen laŭte, jen milde, kun ĉiuj harpsonoj*
*Diradis en ritma muzikharmonio;*
*Kaj blua ondaro, frapanta potence,*
*Diradis ŝaŭmante je l'bordo kadence:*
*„Granda Dio, sankta Dio!"*

# Al virino

de **Victor Hugo**

*Se reĝo mi estus, mi donus armeon,*
*Kaj ĉaron, kaj sceptron, popolan obeon,*
*Kaj gloran orkronon, palacon brilantan*
*Kaj riĉan ŝiparon sur maro tronantan,*
*Por rigardo via!*

*Se Dio mi estus, oferus mi teron,*
*Anĝelojn, demonojn, ĉielan misteron,*
*Ĥaoson profundan, senliman stelrondon*
*Kaj spacon, eternon, la Dian tutmondon,*
*Por kisado via!*

Trad.: *H. Hodler.*

---

# Novaj perspektivoj

II.

Jam de pli ol tridek jaroj ekzistas Esperanto. Dum ĉi tiu periodo, mallonga en la vivo de lingvo, granda laboro estas farita. Esperanto ĉesis esti teoria malgracia signaro, kaj fariĝis vivanta lingvo, kiu ne estas la simpla kopio de nacia idiomo, sed havas propran bone difinitan karakteron kaj memstaran evoluon. Ĝi jam posedas atentindan tradukan literaturon, kaj se ĉiuj ties verkoj ne estas egale bonaj, almenaŭ inter ili troviĝas kelkaj bonegaj. Unuavice citindaj estas la belaj tradukoj faritaj de nia Majstro, kies morton oni ankoraŭ pli bedaŭras, kiam oni scias, ke li intencis sin tute dediĉi al la tradukado de la diverslingvaj ĉefverkoj. Krom D-ro Zamenhof, estas ankaŭ aro da talentaj verkistoj, al kiuj oni ŝuldas, ke nia lingvo pliriĉiĝis, fleksebliĝis, graciiĝis. En la mano de tiuj bonaj aŭtoroj, Esperanto aperas kiel lingvo taŭga por literaturaj celoj, belsona, energia, trafa.

Flanke de bonaj tradukoj ekzistas kompreneble tro granda nombro de mezbonajoj, ĉu rilate al la enhavo, ĉu rilate al la stilo. Oni tradukis tro multe da malgrandaj seninteresaj anekdotoj aŭ fabeloj, kiuj meritus eterne resti en sia nacilingva vestaĵo. Tiuj verketoj plenigas la bretojn de niaj eldonistoj kaj utilas al neniu, eĉ ne al la aŭtoro, kiu tiel perdas kelkcentojn da frankoj. Aliparte, — tio estas alia danĝero — ekzistas personoj, kiuj malbone tradukas bonajn verkojn. Ne ĉiu homo, eĉ flue parolanta Esperanton, estas lerta tradukanto. Por tiu ĉi tasko, certaj konoj kaj artaj ecoj estas necesaj. Tamen, en tiu rilato kelkaj progresoj estas faritaj dum la lasta jardeko. La kritiko iĝis malpli indulga, oni pli funde studis nian lingvon, kaj la tradukantoj kutimiĝis legigi siajn laborojn de alilandaj spertuloj antaŭ ol ilin publikigi, — kion devus fari eĉ la plej bona Esperantisto. Sed tiu pliboniĝo ne ankoraŭ realiĝis koncerne la Esperantajn gazetojn. Oni devas konstati, ke en ili aperas ankoraŭ tro multe da malbonstilaj artikoloj, kiuj erarigas la legantojn. La teoriaj konsiloj, kiujn donas la libroj pri korekta uzo de la lingvo, utilas neniel, se dume la gazetoj, pli multe legataj, disvastigas malkorektajn ekzemplojn. Ĉar la redaktoroj de Esperantaj gazetoj estas personoj, kiuj ne povas sin profesie okupi pri sia laboro, ili ofte ne havas la necesan tempon por poluri la ricevitajn artikolojn, sed ĉiu Esperantisto, kiu verkas ion, eĉ negravan, tiel por gazeto kiel por libro, devus havi sufiĉe da respekto al la legontoj por prezenti al ili bonstilajn legaĵojn, petante se necese la kunhelpon de pli sperta samideano.

* * *

Se oni trarigardas nomaron de la Esperantaj verkoj, oni konstatos, — ne parolante pri la senvaloraĵoj —, ke oni tradukis precipe klasikaĵojn, sed nur tre malmultajn modernajn verkojn; precipe la scienca kaj teknika verkaro estas ankoraŭ tre malriĉa. En niaj gazetoj aperas preskaŭ nur artikoloj pri Esperantaj aferoj — do ĉiam la sama limigita vortaro — kaj kelkaj rozkoloraj anekdotoj aŭ fabeloj facile tradukeblaj. Tiamaniere nia lingvo, moviĝante ĉiam en la sama pensrondo, ne povas pliriĉiĝi kaj disvolviĝi. Ni ne opinias, ke la tradukado de klasikaĵoj estas neutila el lingva vidpunkto, sed ni asertas, ke estas urĝe prilabori nian lingvon ankaŭ por aliaj fakoj de la homa penso. Ni lasu dum kelka tempo Shakespeare, Goethe kaj Molière, kaj okupiĝu pli multe pri nia tempo. Estus dezirinde, ke niaj aŭtoroj dediĉu sian tradukemon al modernaj verkistoj, elektante el ili la plej karakterizajn kaj malfacilajn tekstojn. Ili tiel helpos al la pliriĉiĝo de nia lingvo kaj al ĝia adaptiĝo je la nuntempaj bezonoj de la penso. Se Esperanto estas ankoraŭ iom peza, primitiva, tio devenas ne de la lingvo mem, kiu povus esti tre riĉa kaj nuanca, sed de nesufiĉa prilaboriteco kaj de mankantaj radikvortoj. Nur tradukado ampleksonta ĉiujn fakojn povas doni al nia lingvo la fluecon de la vivo. La plej malfacilaj tekstoj estas la plej tradukindaj. Kiel prave diris nia Majstro, „estas tre dezirinde, ke ni ne evitu malfacilajn tradukojn, sed kontraŭe, ke ni ilin serĉu kaj venku, ĉar nur tiamaniere nia lingvo plene ellaboriĝos".

Lingvo internacia devas servi ne sole por la literaturo, sed ankaŭ kaj precipe por la ĉiutagaj bezonoj de la vivo. Oni do traduku prefere verkojn aŭ artikolojn rilatantajn al nuntempaĵoj kaj praktikaĵoj. Tio estas la plej urĝa tasko el lingva vidpunkto. Al ĝia plenumo ĉiu povas kunlabori. Multaj grupoj de spertaj Esperantistoj sin okupas pri tradukado, sed bedaŭrinde preskaŭ nur de literaturaj tekstoj. Ni opinias, ke estus multe pli utila ekzerco traduki, ekzemple, ĉiutagan jurnalon — inkluzive la informoj pri borso, sporto, vetero kaj precipe la anoncoj — ol fabelon. Ni eĉ konsilas tiun laboron al la personoj dezirantaj helpi al la pliriĉiĝo de nia lingvo. Kiam oni povos facile traduki en Esperanton la tutan enhavon de granda jurnalo, oni rajtos diri, ke nia lingvo estas vere moderna ilo, tute preta por esprimi la bezonojn de la ĉiutaga vivo.

* * *

Kiam oni deziras traduki tekston iom subtilan aŭ kun teknika karaktero, oni konstatas, ke Esperanto estas iafoje ne sufiĉe preciza aŭ tro peza, ĉar ankoraŭ mankas al ĝi la bezonaj radikvortoj aŭ komune akceptitaj frazturnoj. Ke teknikaj vortaroj fariĝis necesegaj, estas evidenta veraĵo, kiun neniu kontestas. Estas la devo de la Esperantistaro doni seriozan atenton al tiu problemo. Sed ni opinias, ke antaŭ ol sisteme verki detalajn teknikajn vortarojn, estas tute necese meti ordon en la vortaron de la komuna lingvo. Kiu uzas Esperanton por tradukaj laboroj, tiu sperte scias, ke la vortoj de la Universala Vortaro, eĉ kun la oficialaj aldonoj, ne sufiĉas. La aŭtoroj de pli kompletaj naciaj-Esperantaj vortaroj estis devigataj mem krei la bezonajn vortojn, sed okazas iafoje, ke tiuj vortoj estas ne bonaj, t. e. ne konformaj al la spirito de Esperanto, aŭ diferencas unu de la alia, laŭ la aŭtoroj. Plie, ĉar la naciaj-Esperantaj vortaroj ofte estas nesufiĉe kompletaj aŭ tro malprecizaj, ĉiu ajn rajtas krei novan radikon laŭ sia plaĉo. Ke fine regas malordo, tio estas neevitebla. Se oni ne volas ĝin pligrandigi kaj fuŝi la estontan verkadon de la teknikaj vortaroj, estas necese adopti pli bonan metodon.

Tio nin kondukas al la demando pri la organizo kaj laboro de la lingvaj institucioj, kies ĉefa tasko ja devus esti la starigo de kompleta vortaro de la komuna lingvo. Pri tiu demando, antaŭ la milito, fluis multe da inko, sed el la diskutoj rezultis, kiel kutime, malmulte da praktika laboro. Ni bedaŭras, ke dum la milita tempo la lingvaj institucioj tute haltigis sian laboron. Ĝuste dum tiu periodo, ne favora por ekstera agado, komisiono estus povinta fari utilan internan laboron rilate al la vortaro. Oni nun almenaŭ ne atendu, ĝis regos perfekta universala paco, por komenci tiun necesan laboron.

La agado de la lingvaj institucioj antaŭ la milito estis preskaŭ senfrukta, ĉar oni ne interkonsentis pri ilia ĝusta rolo. Oni kreis ilin, antaŭ ol precize scii, kion kaj kiel ili laboros. Iuj opiniis, ke ili devas nur registri „oficialiĝi" la uzadon; aliaj, ke ĝi devas gvidi la evoluon de la lingvo. La unua vidpunkto ŝajnas al ni kontraŭa al la esenco de nia lingvo. Esperanto estas kreita, ne de la naturo, sed de la homa racio; estas do memkompreneble, ke la racio daŭrigu ĝin prilabori kaj ne ĉio estu fordonata al la hazardo. Zamenhof zorge pripensis elektante la radikojn de la Universala Vortaro kaj agis laŭ certa metodo. Kial ni ne same agus rilate la novajn vortojn, anstataŭ atendi ĝis la vivo mem ĉion kreos ĥaose?

Cetere pri tio konsentas preskaŭ ĉiuj personoj praktike uzantaj Esperanton. Ili deziras havi kompletan kaj fidindan vortaron, ili deziras, ke la lingvaj institucioj ekzistu ne sole sur la papero.

Oni iam esprimis la timon, ke se tiuj organizaĵoj eklaboros, la Esperantistaro perdos sian tempon je lingvaj disputoj — kio povus endanĝerigi nian tutan aferon. Ni kredas, ke tiu timo estas pravigata, nur se oni ne difinas, kia estu la tasko de la nomitaj institucioj. La Lingva Komitato kaj la Akademio ne celas krei internacian

lingvon, sed nur prizorgi la evoluon de la ekzistanta lingvo Esperanto, kiu jam posedas tute difinitan fundamenton. Ilia tasko do estas limigita. Ili neniel devas sin okupi pri ŝanĝoj en la strukturo de la lingvo, sed nur pri ĝia pliriĉigo kaj adaptigo al la esprimbezonoj de ĝia uzantaro. Fundamento netuŝebla estas necesa, kaj ni devas ĝin konservi. Sed kelkaj Esperantistoj interpretas ĝin tro mallarĝe kaj en maniero tute nekonforma al la vidpunkto de D-ro Zamenhof mem. La ekzisto de Fundamento ne devas esti malhelpo kontraŭ ĉia lingva novaĵo; ĝi malpermesas nur, ke oni faru arbitrajn ŝanĝojn en la strukturo de la lingvo, kiu estas fiksita de la dek-ses reguloj formulitaj de Zamenhof. En la limoj truditaj de la Fundamento, la lingvaj institucioj povas ankoraŭ plenumi gravan utilan laboron, sen ke la diskutoj rilataj al la demandoj pritraktataj de ili prezentas danĝeron.

La teoria organizo de la lingvaj institucioj estas per si mem bona: Akademio, konsistanta el lingvospertuloj, kiu agas kiel labora komisiono, kaj flanke de ĝi pli vasta Lingva Komitato, kiu fine decidas pri la demandoj ekzamenitaj de la Akademio. Sed ĝis nun tiu organizo apenaŭ funkciis. Se oni volas, ke ĝi estu fruktodona, du kondiĉoj estas nepre necesaj: unue, ke oni elektu por tiuj institucioj kapablajn personojn, kiuj estas pretaj serioze labori, due, ke oni interkonsentu pri taŭgaj labormetodoj. La lasta kondiĉo ne estis plenumita kaj la unua nur parte: en la komenco oni tro multe tendencis konsideri la postenon de Lingva-Komitatano kiel honorigan oficon donatan rekompence de propagandaj servoj. Tial apartenas al ĝi personoj, kiuj ofte ne interesiĝas al la lingvo mem, ne havas sperton pri ĝi, ĉar ili neniam ĝin uzis, kaj eĉ ne korekte skribas Esperanton — kio estas malbona ekzemplo. En ambaŭ rilatoj — personoj kaj metodoj — gravaj ŝanĝoj estas necesaj.

La plej urĝa tasko ŝajnas al ni, kiel jam dirite, la pretigo de radikaro enhavanta ĉiujn esprimojn bezonajn en la ĉiutaga vivo, do ankaŭ pli-malpli teknikajn vortojn ĝis kiom ili estas sufiĉe konataj de nespecialistoj. Tiu vortaro enhavus: 1e ĉiujn radikojn de la Universala Vortaro kaj de ĝia aldono, 2e la komune uzatajn radikojn, kiuj jam troviĝas en la ekzistantaj vortaroj kaj verkoj, se ili estas utilaj kaj rekomendindaj; 3e radikojn ne ankoraŭ uzitajn, sed necesajn por traduki la ideojn, kiuj ne estas precize kaj oportune esprimeblaj per ekzistantaj radikoj aŭ kunmetitaj vortoj. Plie, laŭ la vojo de arkaismoj kaj neologismoj, oni povus noti per speciala signo la nemultajn ekzistantajn radikojn, kiuj estas malbone formitaj kaj sekve ne estas konsilindaj, kaj proponi anstataŭ ili pli oportunajn formojn. Fine oni devus zorge fiksi la gramatikan specon de la radikoj — substantivaj, verbaj, adjektivaj, k. t. p. — por ke la derivaĵoj estu kiel eble plej regulaj. En la nomita radikaro, kiel la ĝisnuna Universala Vortaro, la vortoj estus tradukataj en la ĉefaj naciaj lingvoj (al kiuj estus aldonindaj la Hispana kaj la Itala).

Dank' al tiu sufiĉe kompleta radikaro, la tasko de la farantoj de Esperanto-naciaj aŭ de naciaj-Esperantaj vortaroj estus grave faciligata, ĉar ili havus pretan materialon. En ĉiuj naciaj vortaroj, la radikoj de la „Akademia" vortaro estus montrataj per speciala signo. Cetere, ĉar neniu vortaro povas esti tute definitiva, estus publikigata ĉiujare aldono kun la novaj radikoj, kiujn necesigas la bezono. Estas antaŭvideble, ke post la eldono de la granda radikaro, la vortara laboro fariĝos pli kaj pli teknika kaj koncernos komisionojn de specialistoj, pli ol la lingvajn instituciojn mem. Sed ni insistas pri tio, ke detalaj teknikaj vortaroj estas malfacile ellaboreblaj kaj definitivaj, antaŭ ol ni orde solvis la demandon pri la vortaro de la komuna lingvo. Ni scias, ke la laboro, kiun ni proponas, prezentas diversajn malfacilaĵojn kaj ne estas rapide plenumebla, sed tio ne estas sufiĉa kaŭzo por ĝin neniam komenci, ĉar ju pli oni atendos, des pli kreskos la malfacilaĵoj.

*(Daŭrigota.)* • *H. Hodler.*

*P. S.* — En mia lasta artikolo, paĝo 27 (11), linio 12—13, oni bonvolu legi: „... Esperanto post detala komparo ne aperas *malsupera* al Ido (anstataŭ *supera*, presita pro plenumeraro). La kunteksto facile vidigas la eraron.

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Deka Brita Esperantista Kongreso

La konsilantaro de B. E. A. ĵus akceptis okazigi la dekan Britan Kongreson en *Liverpool* dum la Pentekosta semajno (6—10 junio).

La kongresa komitato sendas koran inviton al ĉiuj eksterlandaj samideanoj, veni al la Deka Kongreso. Liverpool estas la dua plej granda urbo en Britio kaj unu el la plej grandaj havenurboj de la mondo. Ĝi prezentas multe da interesaĵoj por la fremduloj. Ĉar ĝiaj loĝantoj estas plej multe maristoj, kiuj vizitas ĉiujn partojn de la mondo, Esp. havas apartan signifon kaj intereson por ili.

La prezo de la kongresbileto estas 3 ŝ. 6 p. Kiu intencas veni, skribu al la Hon. Sekr. J. D. Applebaum, 11, Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool.

---

# KRONIKO

La komunikoj por la kroniko estu sendataj ĉiumonate *antaŭ la 20a*. Oni bonvolu ilin redakti kiel eble plej koncize.

Mallongigoj uzataj: *Esp.* — Esperanto; *Esp-isto* — Esperantisto; *L. I.* — lingvo internacia; *prez.* — prezidanto; *vicprez.* — vicprezidanto; *sekr.* — sekretario; *kas.* — kasisto; *rev.* — revizoro; *bibl.* — bibliotekisto; *l.* — lernanto; *m.* — membro; *p.* — persono.

## Aŭstrio.

*Innsbruck:* La movado vigliĝas. S-roj Bederlonger kaj Blaas gvidas kursojn. — *Wien:* La ĉi-tieaj samideanoj ankaŭ preparas proponon pri enkonduko de Esp. en lernejojn.

## Belgio.

*Bruxelles:* Dum la milito Esp. morale multe progresis, sed dum longa tempo mankis la permeso kunveni. Nun la movado reviglîĝas kaj reorganiziĝas. Interesuloj skribu al S-ro Ed. Haine, 23, rue du Marais, Ruysbroeck. — *Gent:* La grupo organizos grandan propagandan kaj samtempe bonfarantan feston je l' profito de la Belgaj kripligitaj soldatoj. Novaj kursoj estos malfermataj post tiu festo.

## Bohemio.

*Budějovice:* Kurso de S-ro F. Svačina. — *Bystřice:* F-inoj Janaliková kaj Minářiková aranĝis kursojn por la publiko kaj por gelernantoj aparte, kun ĉ. 100 p. — *Doubravka:* S-ro J. Pech gvidas kurson kun 37 p. — *Hodolany a. Olomouc:* Kurso gvidata de S-ro Horak. — *Liberec* (Reichenberg): S-ro subleŭt. Miloš Lukáš gvidas kurson kun 33 p. — *Olomouc:* Kursojn perfektigajn gvidas S-roj Murath kaj Kudela. Estas diskutita fondo de societo de Esp. instruistoj en Ĉeĥoslovakio sen diferenco de nacieco por komune postuli la enkondukon de Esp. en la lernejojn. — *Praha:* Okazis kunveno de la konstanta komitato de Ĉeĥaj Esp-istoj, en kiu oni traktis pri la kuniĝo de la du Ĉeĥaj Esp. centraj asocioj. D-ro Kamaryt tralegis la proponon prezentotan al la ministerio de la instruado pri enkonduko de Esp. en la mezajn lernejojn de Ĉeĥoslovakio. F-ino Šupichová gvidas kurson kun 43 p. La revuo de Ĉeĥaj instruistoj „Časopis českých učitelek" enkondukis regule Esp. rubrikon. — *Velvary:* Dank' al S-ro Juc. Fiala grupo estas fondita. — *Zlín:* S-ro Kessler gvidas kurson por pli ol 100 geoficistoj de la fame konata firmo T. A. Batá. — En *Moravio* ankaŭ reviviĝis nia movado. Grandan meriton pri tio ĉi oni ŝuldas al F-ino Janaliková. Regionaj geinstruistoj nun multope postulas la enkondukon de Esp. en la instruan planon por la lernejoj popolaj kaj burĝaj.

## Britio.

*Belfast:* Kolonelo Pollen paroladis. — *Burnley:* Okazas serio da paroladoj de revenintaj soldatoj. S-ro Whittaker rakontis siajn spertojn kaj impresojn en la Balkanaj regionoj kaj tre interesis la ĉeestantaron. — *Deal:* S-ro W. B. West gvidas du kursojn. — *Glas-*

*gow:* En kunveno estis diskutata la temo pri „Esp. kiel faktoro en la proponata Ligo de la Nacioj". — *Isle of Jersey:* En la militkaptitejo suboficiro Gieseleb gvidis kurson kun pli ol 30 p. La progresintoj sin kunigis en Esp. unuiĝo. — *Liverpool:* La kursoj bone progresas. Oni atendas senteblan pligrandiĝon de la membraro rezulte de la kongreso okazonta ĉi tie la proksiman Pentekoston. — *Sheffield:* Nova kurso ĉe la Crookes lernejo. Alia estas fondita ankaŭ ĉe la Cosmopolitan Society, kie la Esp-istoj esperas ludi grandan rolon.

## Bulgario.

*Sofia:* En la universitato okazis kunveno de la Bulgaraj Esp-istoj por fari alvokon al la Esp-istaro en Eŭropo pri defendo de Bulgario. Paroladis S-roj Jordanov, Rajnov k. a. Estis elektita tiucele komisiono: G. Aktarĝiev, P. Jordanov kaj G. Atanasov.

## Germanio.

*Bamberg:* La grupo havis sian jaran kunvenon. S-roj Loy, Reber kaj Lucas faris diversajn sugestojn utilajn por propagando. — *Berlin:* Fondiĝis nova grupo „Friedenau-Steglitz kaj ĉirkaŭaĵo". Ĉiusemajne okazas kunveno kun parolado. S-ro Wichert gvidas kurson. — *Breslau:* La loka ligo festis kun ĉeesto de 47 p. Ĝi intertraktis kun la Humboldt-Akademio kaj sukcesis enigi en la programon paroladon kaj kurson. La laborista grupo komencis novan kurson kun 40 p. La junulara sekcio de la „Metallaborista Asocio" havas specialan sukceson kun siaj propagandaj paroladoj. — *Cassel:* La grupanoj rekunvenis unuafoje post la milito. — *Dresden:* S-ino Hankel paroladis pri la kongreso en Barcelona, kaj S-ro Lauer pri siaj milittravivaĵoj en Galicio kaj Balkanio. „Nia Reĝino" festis sian 75an datrevenon, superŝutita de floroj kaj bondeziroj. Je ŝia honoro la diversaj Esp. grupoj aranĝis festkunvenojn. — *Hamburg:* Pastro Heydorn gvidas kurson. — *Neukölln:* Du kursoj estas malfermitaj, unu por sinjorinoj, gvidata de F-ino Bock, alia por sinjoroj, gvidata de S-ro Preibisch. — *Offenbach:* Komenciĝis nova kurso kun 8 p. — *Plauen:* Instruisto Guido Otto instruas 150 popollernejanojn, 40 metiolernejanojn kaj 20 sinjorinojn. — *Stubben:* Fondiĝis grupo kun 12 m. En kvin kinoj estas montrataj ĉiuvespere anoncoj por Esp.

## Hispanio.

*Barcelona:* La komitato de la Kataluna Esp. Federacio sendis petskribon al Prezidanto Wilson kaj al la reprezentantoj ĉe la Paca Konferenco por rekomendi la enkondukon de Esp.; simila petskribo estis sendata al la Socialista Kongreso en Bern. — *Sevilla:* La tria Kongreso de la Andaluzia Esp. Federacio tie okazos la 27 aprilo, en la festsalono de la Ekonomia Societo de la Amikoj de la Lando.

## Hungario.

*Budapest:* La fervora propagando alportis siajn fruktojn, novaj kursoj komenciĝas, novaj batalantoj aliĝas al nia movado, la Esp. lernolibroj estas tute elvenditaj. La reorganizita Hungarlanda Laborista Grupo ankaŭ sukcese laboras. En la soldatejo de la 32a reg. komenciĝis kurso por oficiroj kaj soldatoj, gvidata de S-roj Balkányi kaj Zeisler. — *Erzsébetfalva:* S-ro Zeisler gvidas kurson kun 150 p. — *Kispest:* D-ro Rajczy faris paroladon kaj S-ro Zsámboky gvidas kurson. — *Miskolcz:* Okazas kurso por 37 junuloj, gvidata de S-ro Györy Nagy. Baldaŭ malfermiĝos aliaj. Granda interesiĝo en la urbo. — *Szeged:* Fondiĝis soldata grupo kun 50 m. — *Ujpest:* Post parolado de S-ro Molnár komenciĝis kurso. Nova grupo fondiĝis kun 50 m. Okazis sukcesa Zamenhofa vesperfesto kaj kelkaj prelegoj. — *Vacz:* La teologoj fondis grupon.

## Italio.

*Capodistria:* Post trijara deviga senlaboreco kunvenis la Esp-istaro por revivigi la Istrian Esperanto-Unuiĝon. La prez. S-ro prof. Demetrio Cossaro paroladis. Kiel sekr. estis elektita instruisto Armando Camuffo. Baldaŭ malfermiĝos kurso. — *Genova:* Festeno kaj festeto estis aranĝataj okaze de la foriro al Piacenze de sindonema propagandisto Prof. Carolfi.

## Norvegio.

*Kristiania:* Okazis festeneto en la Esp. loĝio de la laboristoj, kiuj jam fondis muzikrondon.

## Svedio.

*Borgstena:* Fondiĝis klubo. — *Göteborg:* La kursoj prosperis superatende, dank' al la nelacigebla intereso de la blinduloj. — *Gevle:* Vigla intereso ĉe la instruistoj. Pastro Törnqvist gvidas kurson por 52 junuloj. Tre sukcesa festo aranĝita. — *Hofors:* Instruistino H. Lindberg gvidas kurson kun 28 p. — *Malmö:* La jarkunveno de la Esp. klubo estis bone vizitata. S-ro J. Petersson gvidas novan kurson kun 25 p. — *Skulskär:* S-ro O. Magnusson gvidas kurson kun 30 p. — *Stockholm:* En kunveno oni diskutis la taskojn de la proksima tempo. Unuiĝo de la tri lokaj grupoj estis rekomendata. Oni decidis aranĝi ekspozicion.

## Svisio.

*Lausanne:* S-ro Edm. Privat faris paroladojn en tri el la urbaj superaj lernejoj. — *Lugano:* Bona artikolo de S-ro F. G. Isella aperis en „L'Impiegato", organo de la komercoficistoj. Li gvidas kurson de 12 p. en la lernejo por popola edukado. S-ro Weilbacher ankaŭ malfermis kurson. — *Neuchâtel:* S-ro Edm. Privat paroladis en la universitato antaŭ multaj ĉeestantoj. — *Zürich:* En la „Grütlianer" aperis interesa artikolo de S-ro H. Fridöri pri mondlingvo kaj la packongreso. La grupo akceptis fariĝi ĉefgrupo por Svisio dum 1919.

## Kanado.

Kreiĝis „Esperanto Asocio Kanada", kies prez. estas S-ro Chester Hayward Crossman, Del. de UEA, Lipton (Sask). Grupoj fondiĝis en *Ituna*, *Montreal* kaj aliaj urboj. La gazetoj estas favoraj. En *Winnipeg* la Sveda bontemplana gazeto „Flog" komencas Esp. kurson.

## Persio.

*Kazvin:* Spite la malfavoraj kondiĉoj kaj la manko de lernolibroj, nia lingvo progresas. Okazas nun tri kursoj.

## Siberio.

*Irkutsk:* Kursoj okazis en la militkaptitejoj. Du grupoj formiĝis kun 282 p.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj socialistoj.** — Okaze de la Internacia Socialista Konferenco en *Bern*, nia Vicdirektoro S-ro Ed. Stettler kaj S-ro R. de Saussure aranĝis Esp. ekspozicion, kiu estis lokita en magazeno ĝuste kontraŭ la konferencejo, kaj altiris la atenton de la publiko. Propagandiloj estis ankaŭ disdonataj, kaj oni faris personan propagandon ĉe kelkaj delegitoj. Fine, dank' al la klopodoj de S-ro Edm. Privat rezolucio rekomendanta al la konferenco la studadon de la demando pri lingvo internacia estis subskribata de delegitoj Cachin, Longuet, Mistral, Renaudel, Henderson, Mac Gurck, Benfield, sed pro manko de tempo ĝi ne povis esti diskutata. El interparoloj kun delegitoj rezultas, ke la demando pri internacia lingvo, tamen tiel grava por la socialistaj rilatoj, estas ankoraŭ tro malmulte atentata kaj ke la socialistaj „eminentuloj" havas pri nia movado informojn tre nesufiĉajn. Energia ĉiulanda propagando estas necesa.

En *Francio* la Esp. Sekcio de la socialista partio (E. S. F. I. O.) restariĝis. Ĝi celas propagandi Esp. inter socialistaj medioj. Ĝi akceptos, tradukos kaj aperigos en Francaj socialistaj ĵurnaloj ĉiujn gravajn dokumentojn, kiujn sendos al ĝi alilandaj sampartianoj. Sin turni al la sekr.: Marcel Stelano, 26, rue Milton, Paris IX.

∴ **Esperanto kaj la Ligo de la Nacioj.** — En *Italio*, ĉe la Kongreso por la Ligo de la Nacioj, S-ro prof. Rignano estis

proponinta, ke la Franca lingvo estu akceptata kiel oficiala lingvo de la Ligo. La reprezentanto de la Itala Esp. Federacio, prof. Lupi Gino, kontraŭbatalis tiun proponon, kies malavantaĝojn li evidente montris. Fine la Kongreso rekomendis la adopton de neŭtrala internacia lingvo. Mankis tempo por ke la temo povu esti pli detale diskutata.

∴ **Esperanto kaj naciaj interesoj.** — En *Hungario* la tieaj Esp-istoj vigle uzas Esp. por diskonigi eksterlanden la dezirojn de sia nacio. Ili publikigis en nia lingvo la Alvokon de la Hungara Akademio al ĉiulandaj intelektuloj kaj jus eldonis sub la titolo *„Hungara Revuo"* gazeton por klarigo de la Hungara vidpunkto. Personoj dezirantaj ricevi tiujn dokumentojn sin turnu al la Propaganda Komitato por L. I. Eötvös u 3. I. Budapest. VI.

∴ **Esperanto kaj literaturo.** — Niaj Britaj samideanoj vigle laboras por traduki Esperanten la ĉefajn verkojn de sia literaturo. La jenaj libroj estas jam tradukataj kaj tradukitaj de la Eklezia Esp. Ligo: „La Paradizo Perdita" de Milton, la „Rakontoj de Canterburry" de Chaucer, „La Reakceptiĝo" de Dale, „Personeco, Homa kaj Dia", de Illingworth, „Robinson Crusoe" de Defoe, „Piers Plowman" de Langland, „Silas Marner" kaj „La muelejo apud la Floss", ambaŭ de Eliot, „Grava alvoko" de Law, „Utopio" de More, „La stratripatisto" de Fairless. Aliparte S-ro J. Maxwell Edmonds informas, ke lia patro Pastro A. J. Edmonds postelasis multe da Esperantaj tradukaĵoj, inter kiuj troviĝas: „Hiavata" de Longfellow, „Mia malliberiĝo" de Silvio Pellico, „La malliberul' de Chillon" de Byron, „Scenoj el Alcestis" de Eŭripides.

Fine la Brita Literatura kaj Debata Societo tradukas ankaŭ konatajn Anglajn aŭtorojn kaj baldaŭ publikiĝos kvaronjaran literaturan revuon por konigi la Anglan literaturon per Esperantaj tradukoj.

Imitinda agemo!

Ni petas la ĉiulandajn personojn, kiuj tradukis aŭ tradukas gravan verkon, ke ili bonvolu informi nin, por ke ni povu publikigi la takton kaj tiamaniere eviti, ke aliaj personoj entreprenu la saman laboron.

∴ **Esperanto kaj komerco.** — *Belgio:* Fondiĝis en Gand sub la nomo „Pro Belgica", grava entrepreno por la restariĝo de la Belga industrio kaj komerco. Tiu entrepreno celas propagandi inter la industriistoj havigante al ili, per Esperanto, ĉiuspecajn informojn pri komerco, kaj interligante ilin kun eksterlandaj kolegoj. „Pro Belgica" intencas ankaŭ pli bone konigi Belgion en la mondo, priskribante pri ĝi per la Esp. gazetaro. Ĝi sin tenas je la dispono de la Esp. industriistoj kaj komercistoj, kiuj volas interrilati kun Belgaj firmoj, starigi komercan deponejon en Belgio aŭ tie havigi al si komercreprezentantojn. Ili sin turnu al ĝia direktoro S-ro Henri Petiau, 60, Boulevard St-Liévin, Gand, Del. de UEA, kiu donos al ili ĉiujn necesajn informojn.

*Japanio:* Komitato por komuna komerca lingvo, laŭ la Brita ekzemplo, tie fondiĝas. La komerca gazeto „The World Salesman" (antaŭe „The Japan Salesman") daŭrigas publikigi informojn pri Esp.

## TRA LA GAZETARO

∴ *„Amerika Esperantisto"* (novembro). Anglaj artikoloj pri Esp. — Progreso de Esp. en Vaŝingtono. — La kanzo de niaj brilegaj sunsubiroj je la militfino, de B. P. Bloendal. — Esp. kaj komerco. — La animo monda, de prof. C. Skinner. — La fajfilo, de B. Franklin. — Tra la Gazetaro.

∴ *„British Esperantist"* (februaro). Alvoko de UEA al la Esperantistaro. — Kroniko. — Kiel malhelpi la aferon. — Parlamentanoj kaj Esp. (Angle) de W. M. Page.

∴ *„Esperanto Monthly"* (januaro). La nova internacia eksperimento (Angle). — Kurso de komerca Esperanto (Angle).

∴ *„Esperantista Voĉo"*. (januaro) Rektoro Emile Boirac (kun portreto). — En la nova jaro. — Nia agado, de Salo Grenkamp. La artikolo, rememoroj el la oka kongreso. — Akvofloroj, poeziaĵo.

∴ *„Germana Esperantisto"* (februaro). Eldono A: „La Komuna Komerca Lingva Komitato" en Londono (Germane) de D-ro H. Unger. — Internacia helplingvo kaj Tutmonda Interpopola Ligo. — Kroniko k. t. p. — Eldono B enhavas literaturaĵojn, poeziaĵon, sciencaĵojn.

∴ *„La Eklezia Revuo"* (januaro). La eklezia mondo. — Kaj ĉu la tempo venas? de Jane Borthwick. — Ho! urbo Betlehem! de Ph. Brooks (kun komponaĵo). — Misiistaj problemoj de Palestino kaj Egiptujo, de W. W. Longford. — Kiamaniere la eklezio malsukcesis uzi la okazon de la milito, de A. Downer. — „Via estas la potenco" . . . — La fantazio, poeziaĵo de John Keats. — Jesuo aŭ Jezuo, pledo por la formo Jesuo. — Bibliografio.

∴ *„La Espero"* (januaro). Alvoko al la Esp-istaro, de J. M. Warden (el „Brit. Esp.") — Norvegaj artikoloj pri Esp. — Antaŭ la miljara regno. — † Bruno Riefling, nekrologio de Rolf E. Bugge Paulsen. — Kroniko. — La blinduloj, de P. Nylen, kie ni sciiĝas pri la reapero de „Esperanta Ligilo".

∴ *„Hungara Esperantisto"* (januaro). Esp. kaj la pacifismo (Hungare) de Dr. Schwalb Lajos. — Grava decido. — Poeziaĵoj de Salo Grenkamp. — La poeto kiel profeto, de A. Siebenschein. — Pri nia propagando, kie Salo Grenkamp diras, ke devo de ĉiu Esp-isto estas skribi eksterlanden nur en nia lingvo. — Kroniko.

∴ *„La Progreso"* (januaro-februaro). Faru vian devon (dulingve) de B. Tittl. — Trafa aldono. — Ĉeĥoslovaka lerneja sistemo, de C. Haberman, ministro por instruado. — Rememoro, de A. Kubŝova. La necesa reformo, de B. Tittl, kie estas dirate, ke la granda parto de la Esp. gazetaro reprezentas la animan malplenon de siaj redaktoroj kaj ke ĝi devos esti reformata, ĉar „en la nova tempo la Esp. gazetoj devas pagi sian ŝuldon al la tutmonda kulturo." — Alvoko al la Esperantistaro, de UEA. — Portu la stelon! poeziaĵo de P. F. Meŝtan. — Geografiaj kaj etnografiaj notoj pri Ĉeĥoslava respubliko. — Pri la geografiaj nomoj, de B. Tittl, kie la sufikso -i estas aprobata. — Bohemoj dum la tutmonda milito, de J. S. Machar. — Kroniko, k. t. p. Entute tiu ĉi Esp. gazeto ĉiam pli kaj pli riĉiĝas kaj interesiĝas sian enhavon; imitinda ekzemplo por multaj el niaj gazetoj.

∴ *„Svisa Espero"* (januaro-februaro). Tipografia gazeto, sub la redaktado de S-ro K. Jost en Zürich, anstataŭas la ĝisnunan bultenon. — Artikoloj pri propagando. — Kroniko. — Angulo por komencantoj, k. t. p.

∴ *„Teknika Revuo"* (januar-februaro). Pri la influo de l' natursciencoj sur la modernan medicinon, de prof. D-ro H. Sahli. — Historio de la ilustraĵo kaj de la gazeto, laŭ St. Koledarov. — Murmureto de la sunbrilo, de C. C. Dornbusch. — La ksilotermo. — Brown, Boveri & Ko. S. A., de J. Schmid. — Diverslanda Kroniko. — Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj organizo de la Internacia Centro (sekvo). — La Ruĝa Kruco, de E. C. — Projekto de Fundamento por la teknika lingvo (sekvo), de Antido. — En tiu ĉi N-ro estas enkondukitaj kelkaj novaĵoj lingvaj, kiujn ni pli malfrue priparolos.

Novaj gazetoj:

∴ *„Hungara Revuo"*, Eldonis la Propaganda Komitato de la Lingvo Internacia Esperanto, Budapest, IV, Kammermayer Károly-u. 3. — 4 paĝoj, 29 × 42 cm.

Tiu ĉi perioda gazeto „publikigas el la ĉefaj Hungaraj gazetoj kelkajn artikolojn, por ke oni klare vidu eksterlande la nunajn opiniojn de la Hungaroj".

# TRA LA LIBRARO

**La Granda Vizaĝo el Ŝtono,** de *Nathaniel Hawthorne*. El la Angla lingvo trad. *E. E. Yelland*. Eldonis B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. Aĉetebla ĉe British Esperanto-Association, 17, Hart Street, London W. C. 1. 12×18 cm. 23 p. Prezo: 8 p.

Tiu broŝuro enhavas alegorian rakonton kaj celas moralan instruon, kiu restas nuba, eĉ post atenta lego. En iu valo granda rokaro similas vizaĝon. Profetaĵo anoncas, ke iam aperos homo kun samaj noblaj trajtoj. Unue milionulo, due generalo, trie politikisto, kaj fine poeto estas erare admirataj kiel plenumantoj de l' antaŭdiro. Fine simpla, bonanima, meminstruita kulturisto realigas la honorigan similecon.

Tiaj duonreligiaj duonmistikaj rakontoj trovas ŝatantojn; tamen tradukoj de verkoj literature aŭ science valoraj estus pli vera riĉigo de nia Esperanta trezoro. Korektita de la eldonanta asocio, la stilo estas klara, se ne ĉiam tre flua; preseraroj estas maloftaj; kunmetitaĵoj kiel „valanaro", „varikolora", k. a. tre taŭgaj; „arkitekto" certe estas pli malpeza ol „arĥitekturisto"; aliaj vortoj: „baroĉo" (veturilo), „solidecon" (firmecon), „sponte" (memvole) ŝajnas tute ne necesaj, kaj esprimoj kiel: „entuziasmo infekta" (por: komunikebla), „kompari kontraŭ" (anstataŭ: kun), „vaka atmosfero" (por: malplena) nebonaj.

Entute la broŝuro estas legata facile kaj interese; ĝi povas elveki ĝustajn ideojn pri simplemo, memkontento kaj en pura konscienco trovota feliĉo. Sed mi humile konfesas, ke mi ne bone komprenas la motivon, kiu instigis al ĉiulanda konigo de tiu alegorio per Esperanto. — *G. S.*

**Vintro-fabeloj,** de *Heinrich Seidel*. Unua volumo. El la Germana lingvo trad. *I. Bücker*. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Eldonis Ader & Borel, Dresden 1, Struvestrasse 40. 12×14 cm. 164 p. Prezo: 2 M. + 10 %.

Sciencistoj asertas, ke dum sia junaĝo, infano devas travivi resume la longan evoluon de sia prapatraro. Ĉu ankaŭ juna lingvo devas progresadi samvoje, kiel naturaj idiomoj, kaj ĉu tial ĝi ŝategas legendojn, fabelojn? Riĉa estas jam tiu fako, de „La feino" en la Ekzercaro kaj „La virineto de l' maro" en la Krestomatio, ĝis la tradukoj de l' rakontaroj de Grimm aŭ de Andersen. Jen simila, kaj tion oni rajtas diri, ne malpli valora verko: „Vintro-fabeloj" prezentanta sin, kiel konvenas en neĝblanka plaĉa bindaĵo. En la antaŭparolo deziras la tradukintino, ke „la ĉarmaj fantaziaĵoj, kiuj vidigas profundan amon al la naturo, havigu al la tutmonda gejunularo ioman plezuron" kiel „al ĉiuj plenaĝuloj sciantaj revi kaj ŝati fantaziaĵojn".

Do, sorĉistoj, magiistoj, feinoj, reĝidinoj, sagacaj bestoj, jen la personaro; miraklaj okazoj, virto rekompencita kaj malbono punita, jen la enhavo de l' dekunu vivplenaj rakontoj. Oni povas laŭdi la nunan kutimon antaŭekzamenigi manuskripton de societo aŭ de aliilandaj spertuloj. La stilo estas vigla, tre komprenebla; ĝi denove montras, kiom nia lingvo, sen pliboniĝoj, taŭgas por tradukoj fidelaj. Oni rimarkos oftan lertan uzon de l' apartaj propraĵoj de Esperanto, t. e. adverboj kaj participoj, malpezigante multe da esprimoj. Sed perfekteco estas malfacile atingebla. En frazoj kiel: „La reĝo estis promesinta al tiu, kiu sukcesas, la manon de lia filino kaj la duonon de lia regno" la vorto „sia" estus sole korekta. Se formoj kiel: „sunumita loko", „hejmveo", „rapide forlamante", „rajdonte kastelen" agrable surprizas, vortoj kiel: „sekalderikolto" aŭ „detondi" gajnus perdante sian „de". En: „La pluvo deglitis de ŝi nenion domaĝante", aŭ: „La akra vintro ne domaĝis la semon", la verbo „domaĝi" havas sencon preskaŭ malan al la ĝisnune uzata. Ĉu „la kano" povas signifi: „la kanoj" aŭ „la kanejo"? Ĉu prepozicio ne estus pli konsilinda ol akuzativo en: „Ili malsuprenfalegis la ŝtuparon" „Moka ridado trasonis la tutan arbon?" Kaj kial „cizeli" anstataŭ „ĉizi"?

Sed tiuj makuletoj kaj kelkaj similaj estas neoftaj; vere rekomendinda temppasigilo estas tralego de tiu rakontaro, agrabla laŭ ekstero kaj interno; multaj legantoj pruvu, ke mirindaĵoj ankoraŭ plaĉas en nia materia epoko kaj rekompencu la laboron de l' tradukintino kaj la kuraĝon de l' eldonistoj. — *G. S.*

**Lilio.** Rakonto originale verkita en Esperanto de *E. Alleyne Sinnotte*, F. B. E. A. Eldonis British Esperanto Association, 17, Hart Street, Londono W. C. 1. 12×18 cm. 194 p. Prezo: 2 sh. 6 d.

Post Vallienne, post Luyken, jen nova aŭtoro de originala romano. Pri celo de Esperanta literaturo, kaj supereco de originalaĵoj aŭ de tradukoj, oni ankoraŭ longe diskutos. Certe originalaj verkoj pruvas fakte majstrecon de l' lingvo kaj taŭgecon ĝian por senpera esprimo de l' homa penso. Sed oni ankaŭ miras vidante, ke persono, kiu neniam pensis eldoni verkojn en sia patra lingvo, fariĝinte Esperantisto, samtempe akiris kapablon al romana verkado.

Lilio spegulas la vivon de malfeliĉa virino: ŝia edzo mortas; ŝi baraktas kontraŭ malriĉeco; ŝi reedziniĝas kun viro, kiu kredas sin vidvo sed ne estas tia; ŝi disiĝas de li, perdas infanon pro akcidento kaj fine ankaŭ mortas pro alia malfeliĉo. Dume, fido al Dio, religiaj sentoj, certeco pri la postmorta vivo kaj retrovo de l' amintoj, konscio pri efektiva ĉiama protekto de apuda gardanĝelo, vizioj pri estonteco, konsolas Lilion, malakrigas ŝian suferon. Kiu kredas al antaŭsentoj kaj ĉerpas el mistikaj ideoj internan forton, tiu ŝatos tiun libron. Ĝi ne celas nur distri nin, sed instrui aŭ pli ĝuste moraligi nin. Ie, la predikemo estas tre sentebla; ankaŭ ne tre verŝajnaj estas iaj okazoj; ofta reveno al pasinta tempo iom konfuzigas; alvokoj al la leganto, interkrampaj rimarkoj, nomigo de novaj personoj ne estas lertaj. Aliparte la lingvo estas tute korekta, kaj oni vane serĉas tra la tuta verko pres- aŭ stileraroj n. Eble „preskribi" estas neutila vorto kaj en: „Li venos post kelke da horoj la piej malfrue", uzo de la artikolo ne imitinda. Tre bele kaj nete presita, sur bona papero, guste bindita, la libro ankaŭ plaĉas per vera sincereco, kortuŝaj familiaj rilatoj, sindonemo kaj altmoralaj sentoj de l' personoj, rezignacia akcepto de l' neforigeblaj malbonoj, konstanta kuraĝo en la vivbatalo.

Lego de tia ampleksa kaj simpla teksto tre taŭgas por saturi la spiriton per Esperanto kaj havigi pli lertan, preskaŭ instinktan facilecon en ĝia parola aŭ skriba uzo. Ne ĉefverkon, sed valoran kaj honestan laboron ni ŝuldas al unu el niaj antipodaj samideaninoj kaj kun ŝi ni deziras „ke ĝi alportu esperon kaj kuraĝigon al almenaŭ unu suferanta persono". — *G. S.*

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Celo:** *Plifaciligi per Esperanto la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter diverslandanoj. Disvastigi la uzadon de la lingvo Esperanto. Krei internaciajn praktikajn servojn por turistoj, komercistoj, studentoj, junuloj, virinoj, k. a.*

**Membrorajtoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn, parolajn aŭ skribajn, de la Delegitoj kaj uzi ĉiujn servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron. (Provizora adresaro aperos dum 1919.)*

**Aliĝo:** *Ordinara membro: 2.50 Fr. (Svisa valoro). — Subtenanta membro: 5 Fr. — Dumviva membro: 125 Fr. (kun senpaga ricevo de la gazeto „Esperanto", luksa eldono). — Esperantia Entrepreno: 12.50 Fr. (Esp. organizaĵoj nur 7.50 Fr. kun la gazeto). — La kotizaĵoj estu pagataj al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo de UEA, 10, rue de la Bourse, Genève (Svisio).*

**Datreveno de UEA.** — Okaze de la forpasinta deka datreveno de UEA kaj de lia edziĝo, la Komitato de UEA donace sendis al la Direktoro de la Asocio kiel dankatestaĵon pro liaj servoj dokumentŝranketon, kiun akompanis la jena letero:

Tre estimata Direktoro,
Kara kunlaboranto kaj amiko,

Sian dekan jaron de laboro devus nun festi nia Asocio, se la cirkonstancoj tion permesus. Dum funebras multaj popoloj pri karaj mortintoj, dum landoj suferas je krizoj politikaj aŭ ekonomiaj, ne decas, ke pacamantaj Esperantistoj solene ĝoju

pri la sukceso de sia ĉefa organizaĵo. Sed despli ni sentas la bezonon, almenaŭ trapasigi en la memoro la multajn okazintaĵojn, kiujn travivis UEA, konsideri kiel formiĝis el komuneco de la celoj nia Asocio, kaj esperi, ke ĝia spirito de supernacia solidareco helpos al la konstruo de mondo pli proksima al la Zamenhofa idealo.

Tiaj pensoj ankaŭ memoriĝas pri la homo, al kies iniciato ni ĉefe ŝuldas la kreitaĵon. Kunfondinte la Asocion, vi ierte direktis ĝin de la unua tago ĝis hodiaŭ. Per via fideleco al la Esperantistaj ideoj, per via nelacigebla energio kaj per la saĝa prijuĝo de la cirkonstancoj vi kondukis nian Asocion al prospero. Vian tutan tempon kaj laborforton vi dediĉis al ĝi, sciante, ke neniu kompenso vin atendas, kaj eĉ evitante la okazojn de ebla honorigo. Ankaŭ ne estu forgesataj viaj viglaj artikoloj en „Esperanto", ĉiam plenaj je valoraj pensoj kaj je kuraĝigoj dum momentoj malfacilaj.

Permesu do, ke post dek jaroj ni fortiru vin el la ombro de via modesteco kaj esprimu nun publike, kion delonge ni sentis: dankon, varman dankon. Bonvolu ankaŭ akcepti, kaj transdoni al via edzino, niajn gratulojn por via edziĝo. Nia ĉefa deziro estas, ke via grave atakata sano pliboniĝos, tiel ke multajn pliajn jarojn vi povu gvidi la sorton de nia kara UEA, kaj ĝoji pri venonta ĝia progresado.

Por ke vi havu memorigilon pri tiu deka jaro, ni transdonas al vi ŝranketon por konservotaj dokumentoj kaj leteroj. Tio ne estas la luksaĵo, per kiu ni intencis vin surprizi, sed ni respektas la konsilon de via edzino, ke vi preferos objekton faciligantan vian laboron. Ke la multaj tirkestoj de tiu meblo baldaŭ pleniĝu je raportoj pri progresoj de la movado al vi tiel kara! Ni ankaŭ esperas, ke iam alflugos pezaj donacaj ĉekoj, kiuj permesos realigi kelkajn el viaj rimarkindaj planoj.

Kara kolego! En la nomo de la tuta Asocio ni dankas sincere por la dek jaroj de via vivo, kiujn vi plene dediĉis al UEA. Akceptu la esprimon de nia alta estimo kaj de nia fidela amikeco.

La Komitato de Universala Esperanto-Asocio: *A. Behrendt*, Berlin; *P. Blaise*, London; *A. Carles*, Béziers; *J. Karsch*, Dresden; *P. Linares*, Cordoba; *H. Mees*, 's-Gravenhage; *E. Privat*, Lausanne; *F. Rockmann*, Magdeburg; (*St. Szabuniewicz*, Moskvo). (Bedaŭrinde S-ro Szabuniewicz ne povis persone konsenti kiel ĉiuj aliaj, ĉar ne estis eble al la iniciintoj lin atingi per la poŝto.)

Transdonita en la nomo de la komitato: *Edmond Privat*.

Al tiu sendaĵo la Direktoro de UEA respondis per la jena letero:

Karaj kunlaborantoj kaj amikoj,

Mi estis tre kortuŝata pro la bela kaj utila donaco, kiun vi bonvolis sendi al mi okaze de la deka datreveno de UEA, kaj sincere dankas vin pro tiu trafa atestaĵo pri via simpatio. La letero, kiu akompanas vian sendaĵon, enhavas tro laŭdajn vortojn rilate al mia persona agado. Multon mi deziris fari, sed — kiel kutime okazas — nur malgrandan parton de miaj planoj mi povis realigi, kaj tion, kio estas farita, oni ŝuldas ne tiom al mi, kiom al la multaj amikoj, kiuj komprenínte la signifon de UEA laboris por ĝi kun sindonemo kaj fervoro. Kelkaj el tiuj fidelaj kunbatalintoj, ho ve! jam foriris de nia tero, kaj en la momento kiam vi parolas pri datreveno de UEA, mia penso direktiĝas al tiuj pioniroj falintaj dum la mallama militepoko antaŭ ol ekvidi la maturiĝon de pli bona mondo. Al ili ankaŭ iru niaj dankemaj rememoroj.

Post la malfacilaj kaj laborplenaj jaroj de la konstrua periodo, nia Asocio estis rikoltonta la unuajn fruktojn de sia penado, kiam eksplodis la militfuriozo. Ni estis terure frapitaj, sed ni ne pereis, kaj nun ĉe la sojlo de la nova tempo ni staras pretaj por agado pli vigla ol iam. Ni neniam lasu nin malkuraĝigi per momentaj krizoj. Persista laboro sur ĝusta vojo fine ĉion venkas.

Sindoneme via,
*H. Hodler*, direktoro.

**Adresaro de la Delegitoj.** — Kiel ni anoncis en la lasta N-ro ni aperigos dum printempo Adresaron de la Delegitoj, kiu servos kiel provizora Jarlibro kaj estos sendata al ĉiuj membroj pagintaj la kotizaĵon por 1919. Por la pretigo de tiu Adresaro ni jus sendis al ĉiuj Delegitoj enskribitaj sur nia listo cirkulero-demandaron, kiun ili bonvolu plenigi kaj resendi al ni antaŭ la 31 marto. La Delegitoj, kiuj pro malbonaj poŝtaj komunikoj aŭ aliaj kaŭzoj ne ricevis la nomitan cirkulero-demandaron, informu nin.

**Elekto de novaj Delegitoj.** En multaj lokoj, kie troviĝas Esperantistoj, nia Asocio ne estas ankoraŭ reprezentata. Ni tre petas la Esperantistan grupon de tiuj lokoj, ke ĝi bonvolu proponi al ni taŭgan personon por la posteno de Delegito. Kie ne estas grupo, ni plezure ricevos proponon de izola Esperantisto, kiu estus preta agi kiel Delegito de nia Asocio. Pro la baldaŭa presado de la Adresaro de la Delegitoj, rapidaj klopodoj estas necesaj.

**Administraj presaĵoj.** — Ni informas niajn Delegitojn, ke estas presitaj novaj *aliĝiloj* por la varbado de membroj. La Delegitoj, kiuj deziras propagandi en sia loko, bonvolu mendi provizon ĉe la C. O. de UEA.

*Kvitancaroj* estos sendataj al la Delegitoj, kiuj petos ilin.

**Oficialaj insignoj.** — Ili estas pretaj, sed bedaŭrinde ilia eksportado unuopa postulas tiajn formalaĵojn, ke ni estas devigataj prokrasti ilian disvendon ĝis la nunaj eksportmalfacilaĵoj estos forigataj. Ni esperas, ke tio okazos baldaŭ. Tuj kiam la vendo eksterlanda estos ebla, informo aperos en „Esperanto".

La sama rimarko valoras por la *ŝildoj* de Delegitoj.

**Kotizaĵoj por 1919.** — Je la 31 januaro estis enkasigitaj 555 kotizaĵoj (el kiuj 65 subtenantoj). Krom tio estas 169 dumvivaj membroj. Sume: 724. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 13.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato januaro:
Ricevitaj: 805. — Forsenditaj: 239. — Tuta sumo: 1044.
(Antaŭa monato: 1997.)

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en la jenaj regionoj:

*Berlin* (Germanio). — Provizora D.: S-ro Kurt Kauffmann, Schiffbauerdamm 6/7, III., Berlin N W 6.

*Enköping* (Svedio). — D.: S-ro A. K. Örn, Kungsgat. 18.

*Locarno* (Svisio, Tiĉino). — D.: S-ro Carlo Gilà, direktoro de la gazakva fabrikejo. — VD.: S-ro Stefano Pedrazzini, Elektra Societo.

*Nimes* (Francio, Gard). — D.: S-ino Rouveret, instruistino, 1, rue Duguesclin.

*Tanger* (Maroko). — D.: S-ro C. V. Richard, ekspedisto, Comptoir International de Transit.

*Velvary* (Bohemio). — D.: S-ro Karel Fiala, studento, Havlîĉkova 195.

Ŝanĝoj:

*Capodistria* (Istrio). — VD.: S-ro Armando Camuffo, instruisto, Villa Carla.

*Sheffield* (Anglio). — D.: S-ro John C. Auty, advokato, 14, St. James St.

Adresŝanĝoj.

*Bruxelles-Ruysbroek* (Belgio). — D.: S-ro Ed. Haine, profesoro pri ĥemio, 23, rue du Marais.

*Dresden* (Germanio). — D.: S-ro J. E. Nicolai, Franklinstrasse 6, Dresden A 24.

*Düsseldorf* (Germanio). — D.: S-ro B. Luis, inĝeniero, Degerstr. 43.

*'s-Gravenhage* (Nederlando). — VD.: S-ro W. F. Lutter, v. Aerssenstraat 77.

*Kladno* (Bohemio). — D.: S-ro Rudolf Novy, Tuchoraz 315.

*Magdeburg* (Germanio). — VD.: S-ro Fritz Rockmann, Kaiserstr. 61, II.

*Meran* (Tirolo). — D.: S-ro Stefan Kunerth, komercisto, König Laurinstr. 14, Gratsch.

*Perugia* (Italio). — D.: S-ro Alessandro Mazzolini, profesoro, 3, via Larga.

*Pisa* (Italio). — D.: S-ro Angelo de Masi, studento, Lungarno Gambacorti 23 p. I.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj:

*Bagard* (Francio); *Essen-Ruhr* (Germanio); *Lindley* (Anglio); *Nijmegen* (Nederlando); *Planany* (Bohemio); *Poissons* (Francio); *Vesoul* (Francio).

# El la Centra Oficejo

La ĉeso de la milito tuj sin sentigis en la vivado de la Centra Oficejo de UEA. Post la longa milita duondormo, la Esperantistaro ekvekiĝas je la alblovo de la paca venteto. Fervoraj samideanoj, pri kiuj oni nenion aŭdis dum kvar jaroj, ree donas vivsignon kaj informas pri sia preteco ree kunlabori. El landoj multe suferintaj de la milito, kiel Belgio, alvenas kuraĝigaj novaĵoj pri la fideleco kaj persista agemo de la tieaj Esperantistoj. En Bohemio kaj Hungario rimarkinda movado montriĝas... Oni havas la klaran impreson, ke post tiom da suferoj kaj elreviĝoj, pli bonaj tagoj eklumas.

Kvankam la poŝtkomunikoj estas apenaŭ pli bonaj ol dum la milito, oni konstatas rapidan kreskon de la korespondaĵoj. Tion atestas la jenaj ciferoj: En oktobro la nombro de la ricevitaj kaj

senditaj poŝtaĵoj atingis nur 480, en novembro 861, en decembro jam 1997. Fine, fine, fine, ŝajnas ĝoje krii niaj korespondantoj, jen alvenis la tiel longe alsopirita momento, kiam ni povas atenti pri io alia ol militaĵoj, pensi home, denove nin dediĉi al paca konstrua laboro, esperi pri pli luma estonteco ... Malkuraĝigita estas neniu. Kontraŭe, ĉiu esprimas, ke la interpopola mortigado montris pli necesa, pli urĝa ol iam nian agadon por Esperanto, sen kiu la tiel priparolata Ligo de la Nacioj riskas esti nur senviva papera kreaĵo.

La Oficejo de UEA, kiu dum kvar jaroj devis labori en plej neagrablaj kondiĉoj, baraktante kontraŭ la cenzuraj kaj poŝtaj malfacilaĵoj, konas nun iom pli bonan staton. Oni denove povas korespondi Esperante kun preskaŭ ĉiuj landoj; nia gazeto estas ree enlasata en la diversajn regionojn de antaŭa Aŭstrio-Hungario, sed ne ĉio estas ankoraŭ normala. Kun oriento la rilatoj estas malfacilaj, ofte neeblaj. Jam de pli ol unu jaro ni ricevis nenian novaĵon pri niaj Rusaj samideanoj. Aliparte, „Esperanto" ne estas ankoraŭ akceptata de la Franca cenzuro (nekredebla, sed vera!) verŝajne pro la granda danĝero, kiun prezentas la legado de nia gazeto. Sed ni povas esperi, ke iom post iom tiuj baroj malaperos.

Pro la subita kresko de la laboro en la lastaj monatoj, nia Oficejo kun unu sola oficisto kaj unu helpanto apenaŭ povis ĉion fari, kaj ni devas peti la indulgon de la personoj, kies petoj ne estis respondataj tiel akurate kiel ni dezirus. Lastatempe, unu el niaj fervoraj oficistoj de la antaŭmilita tempo revenis okupi sian postenon, kaj tio sendube helpos al pli rapida plenumo de la laboro. Ni ne sole devas respondi al ĉiuspecaj informpetoj, prizorgi la komplikan administradon de la asocio kaj de la gazeto, sed ankaŭ reorganizi la servojn kaj prepari la estontan agadon. Fine de la lasta jaro ni aranĝis ĉe la naciaj societoj enketon, kies rezultatoj estos baldaŭ publikigataj, kaj aperigis Alvokon al la Esperantistaro (bonvole represitan de kelkaj gazetoj) pri repreno de la komuna laboro. Nuntempe ni estas okupataj pri la preparado de l' Adresaro de la Delegitoj, kiun ni decidis eldoni, atendante la pli kompletan Jarlibron. Dank' al ĝi niaj membroj baldaŭ havos je sia dispono aron da fidindaj adresoj kaj povos ree uzi la praktikajn servojn de la Asocio. Unuvorte, oni energie laboras por restarigi tion, kion fuŝis la milito. Se ĉiu fervorulo helpas nin laŭpove, ĝojigaj novaĵoj ne mankos.

En la proksima N-ro aperos gravaj novaĵoj rilate al la estonta vivado de nia Asocio.

---

# Esperantista Parolejo

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *N. W. Roberts*, kaptito reveninta de Germanio, dankas UEA pro ĝia helpo.

∴ S-ro *Henry W. Hetzel*, Del. en Philadelphia, kore dankas la samideanojn de Kalifornio, kiuj tiel afable akceptis lin dum lia vojaĝo, precipe S-ron Willis Bowyer en Los Angeles, Ges-rojn H. F. Sexauer en S-ta Barbara, D-ron Yemans kaj la Esp. grupon en San Francisco.

## Oni petas!

∴ *La Esp. Societo „Danubio" en Wien* intencas starigi por la fondota Viena Esp. hejmo adresaron. Ĉiuj German-Aŭstriaj samideanoj estas petataj sendi sian adreson kaj tiun de konataj Esp-istoj al la sekr. S-ro R. A. Ĉech, Wien IX, D'orsayg. 7/23.

## Al la Esperantistaj jurnalistoj kaj raportistoj

Grava Liverpool'a taga kaj semajna jurnalo „The Liverpool Courier" kaj „Weekly Courier" konvertiĝis al Esp. La redaktoro fariĝis membro de UEA kaj registrigis sian jurnalon kiel Esp-ian Entreprenon. Ĝi semajne aperigas artikolon pri Esp. kaj intencas eldoni en la semajna jurnalo Esp. lecionojn.

La nuna lingva konfuzo ĉe la Packonferenco kaj la konstanta uzo de tradukisto ĉe tiuj kunsidoj sendube helpis konvinki la redaktoron pri la neceseco de L. I., sed li konvinkiĝis precipe per la fakto, ke la propaganda sekretario de B. E. A., S-ro Applebaum, promesis al li per Esp. diversajn informojn pri la orientaj landoj, kiel Ĉeĥoslovakio, Polio, Rutenio, Ukrajnio, k. t. p., pri kies loĝantoj kaj kondiĉoj la Angla publiko estas ankoraŭ malmulte informita.

Mi do estus tre danka al samideanoj de tiuj landoj, se ili povos sendi al mi aŭ pere de UEA rilatajn artikolojn, kiujn mi Anglen tradukos por tiu jurnalo. Mi estas certa, ke per tio nia movado multe gajnos, ĉar mi donos la artikolojn nur sub la kondiĉo, ke ili estu subskribitaj de Esp. korespondisto, kaj post kelka tempo la aliaj redaktoroj serĉos nin por tiuj novaĵoj, alie nehaveblaj, kaj pagos por ili al la verkintoj.

Skribu al UEA aŭ al S. D. Applebaum, hon. sekr. de la Prop. Komitato de B. E. A., 11, Mayville Rd., Mossley Hill, Liverpool.

---

**Olomouc-Novosady** (Moravio). — F-inoj Hilda kaj Emma Kudelová, Pl, L.

**Olomouc** (Moravio). — F-ino Maria Slezáková, tř. české legie, Pl, L.

**Örnskoldsvik** (Svedio). — F-ino Thea Magnusson Lungvik, Pl.

**Örnskoldsvik** (Svedio). — S-ro Ansh. Stromberg, Agrens Tryckeri, Pl.

**Örnskoldsvik** (Svedio). — S-ro Kunt. V. Forslund, Örnskoldsvik Allehanda, Pl.

**Osnabrück** (Germanio). — S-ro Edmund Himmelstoss, Jahnstrasse 13, L, Pl, PM.

**Paisley** (Skotlando). — S-ro R. B. Mac Callum, „Claremont", L (pri politikaj kaj literaturaj temoj kun samideanoj en Skandinavio, Polio, Rumanio, Bohemio, Italio, Jugoslavio, Grekio)

**Rotterdam** (Nederlando). — S-ro P. Hoogmoed, 9a, Olivier van Nordstr., Pl, PM, gazetoj, PM (prefere de Hungario, Aŭstrio, Rusio, Italio, Finlando, k. t. p.)

**San Feliu de Guixols** (Hispanio). — S-ro Victor Lluis, 9, Aden, Pl, bfl (kun ĉiuj landoj).

**Tibro** (Svedio). — S-ro Karl M. Andersson, 35, Gärdhem, Pl (kun ĉiuj landoj).

**Trondhjem** (Norvegio). — Grupo Esp. aranĝos poŝtkart- kaj letervesperon la 15 februaro 1919. Oni sendu L kaj PK.

**Urbana** (Usono, Illinois). — F-ino Margerit Smart, 1105, W. University Ave., Pl, L, kun ĉiuj landoj.

**Zürich 4** (Svisio). — S-ro W. Ledergerber, Agnesstrasse 4, Pl, L (prefere kun Arabio, Persio, Meksiko, Kalifornio, Usono, Alasko, Svedio).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.40. Por tri enpresoj rabato da 10 %. Por dek-du enpresoj 25 %. Antaŭa pago.

**Brodaĵoj.** — Garantikapablaj reprezentantoj por delikataj brodaĵoj de St. Gallen kaj broditaj tukartikloj estas serĉataj en ĉiuj landoj. Sendu proponojn sub cifero 11,296, C. O. de UEA.

**Esperantajn insignojn,** kvinangulajn, po 1 Fr., jus eldonis: Bohema Esperanto Servo, Moravany (Bohemio).

**Internaciaj socialdemokratoj,** kiuj deziras aboni internacian revuon por scienca socialismo aŭ deziras aktive partopreni en ĝia eldonado, liverante traktaĵojn aŭ tradukojn, estas petataj sendi siajn adresojn al la subskribinto. Oni afable aldonu proponojn pri abonprezo, amplekso, aperofteco de la revuo, k. t. p. Ĝia tasko estu: plenpopulare trakti la doktrinojn de la internacia socialdemokratio. Franz Döring, Beekstr. 37, Königsberg Pr. (Germanio). Del. de UEA kaj membro de la „sendependa socialdemokrata partio en Germanio".

**Komerco** — S-ro P. Blaise, 125, Hambalt Rd., London S W 4, respondos ĉiujn petojn pri eksportado kaj importado de komercaĵoj ĉiuspecaj el kaj en Granda Britio.

**Komercistoj kaj industriistoj!** — Ĉu vi volas vendi viajn komercaĵojn kaj industriaĵojn? Skribu al S-ro F. Serrano Olmo, 40, G. de los Rios, Córdoba (Hispanio), komisiisto, kiu havas seriozan kaj gravan klientaron.

**Komercrilatoj.** — Oni deziras transdoni la reprezentadon de brodaĵoj de St. Gallen (broditaj sur tolo, kotono kaj silko), delikate laboritaj tolaĵoj kaj subtilaj, elegantaj salongarnaĵoj. Pagokapablaj reprezentantoj kaj aĉetantoj sin turnu al S-ro Julius Hefti, Hinwil (Zurich, Svisio).

**Korespondado.** — Al ĉiuj miaj korespondantoj mi sciigas, ke mi denove volas kun ili korespondadi. Skribu: Xaver Kučera, ŝparkasisto en Knézeves-Rakovník (Bohemio).

**Korespondantoj.** — S-ro J. Ŝapiro loĝas nun denove en Lodz, 39, Panska, kaj petas ĉiujn siajn ĝisnunajn antaŭmilitajn korespondantojn, S-rojn Davidov, Agurtin, Brockhof, Futerfas, F-inon Rousset k. a., sciigi al li ilian nunan adreson.

**Korespondantoj-Esperantistoj** (ankaŭ en Angla, Franca kaj Itala lingvoj) por ĵurnalo Ĉeĥa pri aferoj politikaj, *ekonomiaj, socialaj kaj kulturaj* ĉiulande, kiuj estus pagataj, volu skribi al: Weiner Frederiko, redakcio de „Tribuna", 21, Jungmannova, Praha II, (Bohemio).

**Mateo.** — Paragvaja teo, Esperanta komercaĵo ricevebla ĉe „Bohema Esperanto Servo" Moravany Bohemio. Paketoj po 2 Fr.

**Poŝtmarkoj.** — Al ĉiuj, kiuj sendas al mi PM kurantajn, mi resendos Pl aŭ PM Nederlandajn. A. F. J. M. de Wit, Walburgsplein 1, Arnhem (Nederlando).

**Propagando.** — D-ro C. J. Baart de la Faille, Nieuwe Plein 7, Arnhem (Nederlando) petas por verkota broŝuro ĉiuspecajn informojn statistikajn kaj prilingvajn.

**Sud-Ameriko.** — Post paciĝo elmigronte Sud-Amerikon, mi deziras korespondadi kun seriozaj samideanoj pri la tieaj landoj, enloĝantoj kaj vivkondiĉoj. Leterojn oni bonvolu sendi al S-ro Hans Abenstein, Steinheilstrasse 10, II., München (Bavario).

**Tra la Jaro.** — Esperantaj lecionoj por ĉiulandaj lernantoj, kompilitaj laŭ eduka metodo longe elprovita: pli ol 1600 ekzempleroj jam vendiĝis. Eldonistoj: S-roj Dent, Londono kaj Toronto. Prezo: 2 ŝ., afrankite.

**Vizitkartoj Esperantaj** kun verda stelo. Ili ankaŭ estas mendeblaj kun miniaturfotografaĵoj laŭ alsendota originalportreto. Prezo: sen fotografaĵo po 5 Skand. kronoj por 100 ekz.; kun fotografaĵo 9 kr. por 100, plie 15 % por afranko. Kovertoj kaj leterpapero kun verda stelo kaj nomo 5, 6, 7, 8 kr. por 100 kaj aliaj Esperantaĵoj estas mendeblaj ĉe Bernh. Eriksson, 16, Trotsgatan, Falun (Svedio).



Bildon de movado Esperantista, eĉ de nacia, ekonomia kaj politika vivo en la juna respubliko Ĉeĥoslovaka prezentas

# LA PROGRESO

monata gazeto Esp., en kiu kunlaboras ĉefaj Esperantistoj kaj multaj politikistoj Bohemaj. Ĝi aperas en gazeta formo 19 × 28 cm kaj kostas jare 6 Aŭstriajn kronojn. Mendebla ĉe administrejo de *„La Progreso"* en Plzeň (Bohemio), aŭ S-ro Svitberto Degenkamp, en Utrecht, Betlehemweg 36 (Nederlando). — La red. de *„La Progreso"*, Plzeň, Bohemio, serĉas raportistojn pri nacia kaj politika vivo en ĉiuj landoj. Aliĝu!



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO